XVI[a] jaro. N° 244 (12) ☆ Monata ☆ Decembro 1920

# ESPERANTO

**Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** | 10. — Frankoj |
| **Kun la membreco de UEA** | 12. 50 Frankoj |
| **Unu numero** | 1. — Franko |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Anonco** (unu-centimetra kolonero) | 2. — Frankoj |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | 0. 50 Franko |
| **Korespondado** (1 enskribo) | 0. 75 Franko |

*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE



## NOVJARA BONDEZIRO

Ĉiuj Esperantistoj ĝojos aŭdante, ke nia lingvo estis oficiale priparolata ĉe la unua kunsido de la Ligo de Nacioj. Lasthore, ĉe la momento finpresiĝi tiun ĉi numeron, ni povas doni al niaj legantoj, kiel Kristnaskan aŭ Novjaran bondeziron, la jenan tekston de rezolucio prezentita de dek registaraj delegitaroj kaj de senatano Lafontaine en sia persona nomo (ĉar liaj belgaj kolegoj ne konsentis):

*„La Ligo de Nacioj, konstatante la lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas rektajn rilatojn inter la popoloj kaj la urĝan necesecon forigi tiun baron por helpi al bona kompreniĝado inter nacioj,*

*sekvas kun intereso la provojn je oficiala instruado de la internacia lingvo Esperanto en la publikaj lernejoj de kelkaj regnoj, anoj de la Ligo de Nacioj,*

*esperas, ke tiu instruado ĝeneraliĝos en la tuta mondo, por ke la ĉiulandaj geknaboj sciu de nun almenaŭ du lingvojn, sian gepatran kaj facilan rimedon por internacia komunikado,*

*petas la ĝeneralan Sekretariaron, prepari, por la venonta kunsido, detalan raporton pri la rezultatoj atingitaj en tiu fako.“*

Sekvas la subskriboj de jenaj delegitoj:

| | |
|---|---|
| *Lord Robert Cecil* (Sudafrika) | *L. M. princo de Nawanagar* (Hinda) |
| *Octavio* (Brazila) | *Doret* (Haitia) |
| *Lafontaine* (Belga) | *Schanzer* (Itala) |
| *Wellington Koo* (Ĉina) | *L. M. Emiro Zoka ed Dowleh* (Persa) |
| *Huneeus* (Ĉilia) | |
| *Restrepo* (Kolombia) | *Beneš* (Ĉeĥoslovaka) |

Tiu teksto estis presigita kiel dokumento N-ro 194 de la kunsido kaj disdonata al ĉiuj anoj de la Ligo de Nacioj. La 11 decembro ĝi estis legata france de la Prezidanto kaj poste angle. Estis decidite, ke tiu rezolucio estu pristudata de la Komisiono N-ro 2 (teknikaj aferoj).

La komisiono studis la proponon kaj prezentis tre favoran raporton rekomendante oficialan enketon pri la instruado de Esperanto. La 18 decembro, ĉe la lasta ĝenerala kunsido, S-ro Lafontaine legis la raporton. En la nomo de la franca delegitaro, S-ro Gabriel Hanotaux ĝin kontraŭbatalis elokvente, postulante por la franca lingvo la rajton je tutmonda oficialeco. Li petis, ke oni ne permesu diskuton pri ĝi. Tuj la prezidanto, S-ro Hymans (Belgo), kiu estas konata kontraŭulo de Esp., voĉdonigis pri la sendiskuta prokrasto de la tuta afero. Post konfuza baloto, dufoje rekomencita, per leviĝo kaj sido, li proklamis la prokraston. Tiel neniu subtenanto povis eĉ paroli. Ni raportos pli detale pri tio en nia venonta numero.

Ni ne havu senutilajn iluziojn. Multo restas ankoraŭ farota. Esperanto nur *komencas* ekveki la intereson de la oficialaj rondoj. Ĉe la Ligo de Nacioj ekzemple multaj anoj devas esti varbataj al favoro.

Ni do laboru kaj esperu senlace. Neniam la tempo estis pli favora. La 15 decembro ni ĉiuj honoris la karan memoron de nia majstro Zamenhof. Lia penso nin inspiru konstante! Laŭ tiu sento ni deziras al ĉiuj niaj legantoj, proksimaj kaj malproksimaj, tutkoran bondeziron por la nova jaro 1921. Ĝi alportu al ili feliĉon kaj sukceson!

*Edmond Privat.*

# LIGO DE NACIOJ

## Esperanto ĉe la Ligo

Inter la membroj de la sekretariaro de la Ligo de Nacioj troviĝas nun nia japana amiko S-ro Fuĝisaŭa, kiu laboras ĉe la Informa Fako. Inter la sekretarioj de la japana delegitaro estas ankaŭ nia samideano S-ro Usami. Krom tio por traduki antaŭ la publiko kaj en la ĉefaj komisionoj la paroladojn de anglaj oratoroj, Sir Eric Drummond invitis la du docentojn pri angla filologio ĉe la Ĝeneva Universitato, inter kiuj D-ron Privat. Fine kaj plej feliĉe unu el la oficialaj reprezentantoj de Belga registaro estas nia eminenta amiko senatano Henri Lafontaine, kiu prezidis en septembro la faman Bruselan Kongreson de mondasocioj tiel favoran por Esperanto.

Tiel ebliĝis diversaj okazoj por utila propagando. Centra Oficejo en Parizo kaj Brita Asocio sendis provizojn da propagandiloj, kaj niaj samideanoj povis interesi kelkajn delegitojn. UEA presigis por ili specialajn dokumentojn. Kun ĝia subteno D-ro Privat aranĝis privatan vesperfeston kun la helpo de Ĝenevaj Universitataj profesoroj en la honoro de senatano Lafontaine, kiu paroladis favore al nia afero en tre trafa maniero. Okdek invititoj ĉeestis. En la nomo de la Komitato Ernest Naville[1] por internacia lingvo, D-ro P. salutis la ĉeestantojn. Poste S-ro Lafontaine brile kaj ĉarme laŭdis la verkon de Zamenhof kaj Prof. Paul Moriaud, dekano de la jura fakultato ĉe la Ĝeneva Universitato, ankaŭ rekomendis la oficialan alprenon de Esperanto. Lia parolado estis tuj tradukata en nia lingvo, kaj la aŭdantoj esprimis admiron pri ties belsoneco. Fine, antaŭ tetrinkado, okazis tre interesa diskutado, dum kiu D-ro P. respondis al ĉefaj duboj aŭ demandoj pri nia afero.

Diversaj delegitoj interparolis pri la komencoj de Esperanto-instruado provitaj en la lernejoj de siaj landoj. Japanoj estis tre impresitaj de la fakto, ke la ĉefaj Tokiaj jurnaloj lastatempe proponis Esperanton kiel oficialan lingvon de la Ligo. Tiuj artikoloj estis represitaj poste angle kaj france en la oficiala Liga „Bulteno pri gazetaraj opinioj".

Al tio la gazeto *„Temps"* en Parizo aludis dirante, ke „la Japanoj proponas Esperanton". Bedaŭrinde alilandaj gazetoj el tio kreis la legendon ke „la japana delegitaro intencas prezenti Esperanton", kio estas tute ne vera. Ĝis nun ili nur decidis studi la progreson de Esperanto kaj turni sian atenton al nia afero por ĝin observi. Ni ne tuj postulu miraklojn. La nunaj faktoj estas jam kuraĝigaj sen ia trograndigo. Barono Megata, la japana ĉefdelegito, poste vizitis kelkajn samideanojn por ricevi pluan informadon kaj memvole anoncis, ke li deziras antaŭenpuŝi la aferon en Tokio, por ke ĝi estu pristudata serioze de la oficialaj rondoj. La ambasadoro finnlanda tie, nia eminenta samideano Profesoro Ramstedt, ricevos lian viziton kaj same la Esperanto-societo en Tokio. — La 15 decembro la persa delegito Princo Zoka-ed-Dowleh vizitis la Zamenhof-feston de ĝeneva Esp. grupo „Stelo" kaj entuziasme paroladis.

Ni invitas ĉiujn Esperantistajn asociojn de la respektivaj landoj, ke ili tuj interrilatiĝu kun la oficialaj delegitoj de sia registaro, reveníntaj el Ĝenevo, kaj ke ili preparu klarajn kaj mallongajn raportojn, kies unu kopion ili sendu al ni kaj unu alian al la Ligo de Nacioj en Ĝenevo. Same ĉiujn Esp. gazetojn oni sendu al D-ro Inazo Nitobé, ĝenerala vicsekretario (Hotel National, Genève).

[1] Komitato konsistanta el deksep favoraj universitataj profesoroj kaj docentoj ĝenevaj. Ernest Naville estis la fama ĝeneva filozofo, kiu prezentis Esperanton en 1898 al la Franca Akademio de moralaj kaj politikaj sciencoj.

## La ĝenerala kunsido

*(Ĝenevo 15 novembro—17 decembro)*

La 15 novembro, laŭ invito de prezidanto Wilson, ĝia fondinto, malfermiĝis en Ĝenevo je la 11a horo matene, la unua ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj. Tiel ekrealiĝis la profetajo kaj sopiro de multaj pensuloj de la lastaj centjaroj, inter kiuj la ĝeneva verkisto Jean-Jacques Rousseau kaj nia Majstro D-ro Zamenhof. Ĉar la raportoj de ĉiutagaj jurnaloj estas eble ne ĉiel kontentigaj laŭ vidpunkto de klareco kaj ĝenerala priskribo, ni supozis, ke niaj legantoj ŝatos trovi en tiu ĉi gazeto kelkajn precizaĵojn pri la Ligo kaj ĝia funkciado.

* * *

Ĉeestas nun en Ĝenevo po tri oficialaj reprezentantoj de ĉiuj 42 anoj de la Ligo. Estu klare, ke *Ligano* estas Regno kaj ĝiaj *reprezentantoj* estas tri personoj senditaj de ĝia registaro. Ĉiu tia „Trio" formas la *delegitaron* de unu lando. Fakte la Ligo estas do pli vere asocio de registaroj ol societo de nacioj, kiel nomite.

Dudek-naŭ regnoj estas originaj Liganoj, ĉar ili subskribis la Kontrakton de la Ligo (Fr. *Pacte*, Angl. *Covenant*) samtempe kun la pactraktato. Ili estas Belgio, Bolivio, Brazilio, Brita Imperio, Kanado, Aŭstralio, Novzelando, Sudafriko, Ĉeĥoslovakio, Ĉinio, Francio, Grekio, Gvatemalo, Haitio, Hindio, Honduraso, Italio, Japanio, Kubo, Liberio, Nikaragvo, Panamo, Peruo, Polio, Portugalio, Rumanio, Serbo-Kroato-Slovenio, Siamo, Urugvajo.

Dek-tri regnoj estis invititaj konsenti la Kontrakton kaj aliĝis responde. Ili estas Argentinio, Ĉilio, Danio, Hispanio, Kolumbio, Nederlando, Norvegio, Paragvajo, Persio, Salvadoro, Svedio, Svislando, Venezuelo.

Entute 42 regnoj do sendis delegitarojn al Ĝenevo. Se oni kolorigus ruĝe iliajn teritoriojn sur geografia karto de la mondo, tio montrus tutan Sudamerikon, tutan Oceanion, plej grandan parton de Azio, duonan Nordamerikon, duonan Afrikon kaj duonan Eŭropon, entute tri kvaronojn de la mondo.

Usono, kvankam subskribinte la Kontrakton, restis ekstere pro sinteno politika de la anti-Wilsona partio „respublikana", kiu gajnis la plimultecon en Parlamento. Inter la ceteraj regnoj, ne invititaj, Aŭstrio, Albanio, Bulgario, Estonio, Finnlando, Latvio, Litovio, Armenio, Georgio, Azerbajĝano, Ukrainio, Kosta-Riko, Lichtenstein, Luksemburgo sendis aliĝpetojn. Laŭ la Kontrakto, du trionoj de la Liganaj voĉoj sufiĉas por decidi akcepton de nova membro. Aŭstrio, Albanio, Bulgario, Finnlando, Kosta-Riko, Luksemburgo estis jus akceptitaj unuvoĉe. Pri la ceteraj, oni ankoraŭ ne konsentis, ĉar la definitiveco de iliaj landlimoj aŭ de ilia sendependeco estas pridiskutataj de kelkaj potencaj Liganoj.

Nek Germanio, nek Rusio, nek Turkio petis aliĝon ĝis nun.

* * *

La Kunsidoj de la Ligo okazas en vasta ĉambrego, antaŭe nomita „Reformacia" kaj nun aranĝita speciale por tiu celo. Sur la partero sidas la 42 delegitaroj laŭ alfabeta ordo. Ĉiu havas skribotablojn kaj po kvin seĝoj, tri por oficialaj reprezentantoj kaj du por anstataŭantoj aŭ sekretarioj. Sur la unua balkono sidas jurnalistoj, sur la dua la publiko. Sub la estrado sidas stenografistoj; sur ĝi la tradukistoj kaj ĉefaj anoj de la sekretariaro; pli supre la elektita prezidanto de

l' Kunsidoj, S-ro Hymans (Belgo) kaj la ĝenerala sekretario de la Ligo, Sir Eric Drummond (Brito).

La ĝeneralaj kunsidoj okazas matene je dekunua kaj daŭras kutime ĝis la dektria posttagmeze. Nur angla kaj franca lingvoj estis parolataj ĝis nun. Post ĉiu parolinto, tradukisto stariĝas kaj resumas la argumentojn en la alia lingvo. La sekretariaro ankaŭ presas ĉiujn dokumentojn angle kaj france. Kvardek-ses oficistoj laboras ĉe tiu nura fako traduka.

Post la propono de la sudamerikaj Liganoj akcepti ankaŭ la hispanan lingvon, kiu estas fakte tiu de preskaŭ la duono de la reprezentantaj regnoj (dek-ok), estis decidite, ke ĉiuj lingvoj estos permesataj kondiĉe, ke la delegitoj havigu mem sian tradukiston, escepte por francaj aŭ anglaj poroladoj, kies tradukojn la sekretariaro zorgas nure. La rezultato estis, ke neniu kuraĝis paroli hispane. La franca lingvo estas fakte la plej uzata, ofte nek tre flue, nek tre klare, sed kun la plej granda ŝanco de ĝenerala kompreno. La anglan lingvon uzas la Britoj, Kanadanoj, Aŭstralianoj, Zelandanoj, Hindoj, Sudafrikanoj, Ĉinoj, Japanoj kaj kelkaj Skandinavoj. Plej ofte la franca traduko de la paroladoj anglaj estas pli ĝenerale aŭskultata ol la originalo mem, dum oni male malatentas kaj zumbruadas dum la anglaj tradukoj de francaj paroladoj.

Tio ja estas iom rimarkinda fakto, speciale ŝuldata al la foresto de Usono, ĉar en aliaj internaciaj Kongresoj, kiel ekzemple tiuj de Ruĝa Kruco, de Virinrajto, de Filarmenio, k. c., okazis ĝuste male kaj angla lingvo superregis.

* * *

Kiam ia ajn demando fariĝas tro teknika, la ĝenerala kunsidantaro resendas ĝin, por studo, al speciala komisiono de 42 membroj aŭ eĉ al faka sub-komisiono de 10 ĝis 15 personoj. Tiuj apartaj kunvenoj okazas ĉe la Palaco de la Ligo, kiu sidas ĉe la Ĝeneva Lago, je la norda rando de l' urbo. La domego estis antaŭe la plej vasta hotelo en Ĝenevo (Hotel National) kaj estis aĉetita de la Ligo por lokigi la oficejojn de la sekretariaro.

Kvarcent personoj ambaŭseksaj laboras tie en diversaj Fakoj aŭ Sekcioj pri Administrado, Financo, Informado, Internaciaj Oficejoj (D-ro Nitobé), Juro, Koloniaj Mandatoj, Politikaj Aferoj, Higieno, Transito, Tradukado. Ĉefaj oficistoj estas Britoj, Francoj, Italoj, Skandinavoj, Svisoj kaj Japanoj. Pli subaj estas plejparte britaj kaj francaj pro la ĝisnuna sidado en Londono. Efektive la sekretariaro nur alvenis Ĝenevon la 5 novembro.

Krom tiu Palaco kaj la Kunsidejo, ekzistas ankoraŭ tria Liga domego, nomata Hotelo de la Delegitaroj. Ĝi staras sur ĉefstrato apud la stacidomo kaj entenas 42 oficejojn por la diversaj Liganaj reprezentantaroj. Eĉ tio ne sufiĉas al ili, ĉar kelkaj, ekzemple Britoj, Japanoj kaj Francoj, posedas po cent ĝis ducent sekretarioj akompanantaj la delegitaron. Ili devis aranĝi oficejojn en privataj hoteloj.

* * *

Malgraŭ tiuj impresaj klopodoj, la tiel nomitaj „grandpotencoj" ne sukcesis tuj superregi la kunsidojn de la Ligo. Ĉar ĉiu regno, eĉ plej malvasta, havas nur unu voĉon kaj saman rajton kiel la ceteraj, la granduloj estas pli malpli dronigitaj en la amaso de l' ceteraj. Fakte la malgrandaj regnoj, pro sia multeco, okupas la ĉefan lokon. Tio estas ja bona kaj demokrata.

Bedaŭrinde la afero estas tute alia en la *Konsilantaro* de la Ligo, kiu plenumas ĝian aŭtoritaton kaj agadas en ĝia nomo inter la ĉiujaraj kunsidoj ĝeneralaj. En tiu supera konsilantaro sidas konstante, laŭ art. 4 de la Kontrakto, reprezentantoj de la kvar grandpotencoj kaj nur kvar aliaj en la nomo de ĉiuj ceteraj Liganoj.

Skandinavaj kaj sudamerikaj Liganoj proponis ŝanĝojn en la Kontrakto por korekti tion kaj ankaŭ por tuj universaligi la Ligon, sed la plimulto timis diskuti ŝanĝojn jam ĉe la unua kunsido. Tial la Argentina delegitaro eksiĝis kun solena bedaŭresprimo.

Tia gesto kaŭzis tre profundan impreson kaj sendube jam igis multajn pripensi pli serioze pri la proponitaj ŝanĝoj.

* * *

Estas nun tro frue por juĝi la laborojn kaj rezultojn de tiu unua kunsido, kiu daŭras ankoraŭ dum la presado de tiu ĉi numero. Ĝi estis speciale okupata per la diskuto pri akcepto de novaj Liganoj kaj alpreno de interna regularo. Necese ja estas starigi la laborejon eĉ antaŭ labori.

Ankaŭ okazis sensaciaj publikaj diskutoj pri la savo de malfeliĉa armena popolo kaj pri la situacio en Orienta Eŭropo. Pri starigo de teknikaj organizajoj ĉefe diskutis la fakaj komisionoj kaj subkomisionoj. Analizi iliajn decidojn estos nur eble, kiam ĉiuj raportoj estos publikigataj. Intertempe ni jam rimarku — preterpasante — ke en la specialaj subkomisionoj pri komerco, financoj, ekonomio, k. t. p., la angla lingvo preskaŭ tute formanĝis la francan kaj estis uzata de la plejmultaj ĉeestantaj specialistoj.

Alia artikolo ebligos nin studi la tutan fundan impreson pri tiu unua kunsido. Pri Esperanto-propagando ĉe la Ligo ni skribas en alia parto de tiu ĉi numero. Dume, ni konstatu la neoftan okazon, kiun ĝuis la loĝantoj en Ĝenevo, aŭdi tiajn virojn kiel la plej elokventa oratoro franca Viviani, la fortkaraktera angla idealisto Lord Robert Cecil (kiun Sudafriko elektis inter siaj delegitoj), la fama norvega esploristo Nansen, la sveda socialisto Branting, nia belga amiko senatano Lafontaine, la klera nederlanda juristo Van Karnebeeck, la pola mondkonata Paderewski, la sprita greka ministro Politis, lia saĝa ĉeĥo-slovaka kolego Beneŝ, la kuraĝaj reprezentantoj el Brazilio, Octavio, el Argentino, Puyrredon, el Kolumbio, Restrepo, la delikata diplomato itala, Tittoni, kaj la svisa defendanto de demokrataj principoj, Motta.

La ĉiutaga interrilato de homo al homo jam helpas al paco. Malgraŭ la plej skeptikaj aŭ eĉ foje negativaj ordonoj de siaj registaroj, ĉiuj delegitaroj sentis sin puŝataj antaŭen per tiu nova maŝino konstruita por paco. Per sia ekzisto mem ĝi komencas detrui sekretan diplomation kaj ekataki imperialismon. Malgraŭ ĝiaj grandaj mankoj, malgraŭ la bedaŭrinda timemo de multaj Liganoj, malgraŭ la ĉiuspecaj intrigoj por ĝin malsukcesigi aŭ ridindigi, malgraŭ ĉiuj eraroj kaj eĉ kulpoj kritikindaj, tamen io nova naskiĝis en la mondo, tamen unu organizajo ekstariĝis por helpi la kuniĝon de la diversaj regnoj kaj eksentigi la unuecon de la homaro.

Ĉiuj popoloj de nun agadu energie por progresigi kaj universaligi tiun Ligon. Ĝi povas esti vere efika nur se ĝi entenas *ĉiujn* naciojn, ĉiujn *popolojn* kaj ne nur plejmulton de *registaroj*. Forjetante ĉiujn iluziojn kaj ankaŭ ĉiujn vualojn de antaŭjuĝoj, la okuloj ekvidas palan eklumiĝon en la malgaja nigra ĉielo de l' suferinta mondo. Ke baldaŭ leviĝu brila suno, jen la espero.

*Ĉeestinto.*

---

*La burĝa konstuticio devas esti en ĉiuj landoj respublika.* Kant.

*

*La „popolrajto" devas stari sur la bazo de federacio de liberaj ŝtatoj.* Kant.

 SOCIA VIVO 

# Pri japana kulturo

(Letero el Tokio[1])

*I. Japana kulturo estas imiteca*

Laŭ la sociologia teorio la imito estas unu el la plej gravaj principoj de socia evolucio. Japana historio pruvas, ke nia popolo estis daŭre pruntericevinta kaj alpreninta la civilizon kaj sociajn organizaĵojn el tiamaj kulturŝtatoj, nome el Koreo, Ĉinio, Hindio kaj fine el Eŭropo. Kaj tiun ĉi imitadon faris tiuj, kiuj apartenis al la superreganta socia klaso. Kiel ekzemple depost nia mezepoko oni sin vestis ĉinmaniere, skribis per ĉinaj literoj kaj enradikigis ceterajn kutimojn de Ĉinio.

En la epoko de Meiji, fremdstila vestaĵo estis enprenita, unue de militistoj, due de oficistoj apartenantaj al imperiaj ministrejoj, kaj nun preskaŭ ĉiuj aferistoj kaj studentoj vestiĝas alilandmaniere. Cetere estas senlime ŝatata la kono de fremdaj lingvoj; tiuj, kiuj eksterlande studis, estas konsiderataj kiel eksterordinaraj kleruloj.

Malfeliĉe, oni devas malkaŝe konfesi, ke ni ŝuldas ĉiaspecajn rimarkindajn elementojn de nia civilizo al la kulturo de kelkaj progresintaj eksterlandoj. Estos do tre malfacila tasko, elĉerpi la propran japanan civilizon el ĉio, kio ekzistas en nuna Japanio.

*II. Japana kulturo estas ekskluziveca*

En Japanio politikaj partioj ne agadas per la principoj sed per la persona influo de kelkaj gvidantoj. Ne sole politikaj partioj, sed ankaŭ ĉia socia fenomeno dependas ekskluzive de la maljusta ligo inter majstro kaj subuloj. Sekve tiuj, kiuj ne rilatigas sin persone al tiamaj ekskluzive potencaj superuloj, eterne ne havos la feliĉan sorton distingi sin en la sociala sukceso.

Fakte estas la japana historio karakterizita per la ruza kaj perforta rabado je la socia potenco. Pasintatempe, du potencaj familioj, nome *Mononobe* kaj *Soga* terure interkonfliktis unu la alian por tia celo kaj, post ili, familio *Fujiŭara* iĝis la posedanto de politika potenco. Laŭvice sin sekvis tiamaniere diversaj familioj, *Hejke, Genji, Hojo, Aŝikaga, Oda, Tojotomi,* kaj fine *Tokugaŭa,* kiu definitive havigis al si regprivilegion dum 300 jaroj ĝis la komenco de epoko Meiji.

Enirante en la epokon de Meiji, ankaŭ trudis sin du sangavidaj regnanoj *Satumanoj* kaj *Ĉosuanoj.*

Tial ĉe la burokratoj kaj politikpartianoj, kiuj blinde submetiĝis sub la persona gvidado de kelkaj ambiciuloj, vagnaĝas ĉiam ia malpura kaj rezignema atmosfero, plena je nelaŭrezona tradicio: al ili, persona sentimento ŝajnas pli preferinda kaj ŝatinda ol la objektiva rezono. Por ili, justa laŭprava agmaniero sekve estas malpli influiga, ol personaj specialaj cirkonstancoj. Oni scias, ke, krom la historio de la reganta klaso, ne ekzistis ia popola historio en Japanio. Komercistoj, terkulturistoj kaj industriaj aferistoj estis kvazaŭ sterkaĵo por bone kreskigi trunkojn de malmultnombra militista klaso. Tiu ĉi socia fenomeno rimarkiĝis speciale en la epoko de Tokugaŭa. Nur troviĝas escepte la sfero de sendependeco ĉe kelkaj respektindaj artistoj, kiuj rigardis la tian socian tendencon kun cinika indiferenteco.

[1] Ni presas tie ĉi tre interesan studon de japana korespondanto, al kiu ni lasas kompreneble la plenan respondecon pri siaj opinioj kaj stilan liberecon, kies originalan karakteron multaj legantoj ŝatos.

Sub tiu ĉi ĝenerala tendenco, sklavema spirito senkonscie naskiĝis en la subklasanoj Jen formiĝis la fama proverbo „Nagaimono niŭa makarero“: tio signifas, ke oni devu kiel ajn blindobei al superulo.

*III. Japana kulturo sin trovas laŭmilitista*

Ĉe ni, se la armeo venkis, ĝi estas senescepte rajtigita, spite ĝia ofta abomena motivo; por efektive uzurpi la politikan influon, la armea potenco estis nemankebla bezonaĵo. Se oni forviŝos la armeajn elementojn el la japana historio, tiam restos eble nur nenio. La militistaro estas okupinta ĝis lastatempe gravajn oficojn en la registaro; por kulturi kaj prosperigi ilin, multe da personofero estas pagita de cetera popolklaso.

Tiamaniere ni facile alkutimiĝis al laŭgermana despotismo, subakviĝis je sklava situacio. Oni do alprenis la malmultkostan sistemon de rekrutkolektado; simplaj soldatoj fariĝis nekonscie sklavoj de profesiaj militistoj, simplaj soldatoj sanege, malklere, devas ege labori ĝuste kiel fidelaj hundoj kaj ĝi sufiĉas.

Tiuj soldatoj estas tiel dresitaj, ke ili volonte emos sindoni al la superula ordono ne riskante perdemande ĉu tio estus bona aŭ malbona. Tiom la personeca valoro de la individuo ne alttaksiĝas.

Oni scias, ke, en niaj elementaj lernejoj, preskaŭ ĉiuj instruistoj neniel priinstruas pri la nedetruebla sankteco de individua personeco, ŝtopante nur en la molan kapon de gejunuloj, la absolutan lojalecon kaj senkondiĉan filpiecon. Tiel humiligis la laŭmilitista organizado de socio la japanan popolon, ke oni fatale alkutimiĝis pensi ĉion bona, kio devenis de la parto de superuloj, kaj ke oni oftege plorplene cediĝis al nerezonemaj postuloj de reganta klaso. Oni konsideris la memnekonsciiĝon, kiel la signon de laŭdinda lojaleco je la domaĝo de la viktimo. Oni kredigis al la popolo pri tio, ke krom la militistoj ekzistas neniaj patriotoj en Japanio, kvankam ili vere sin montras malkaŝe kiel malŝatindaj ŝovinistoj: eĉ nuntempe regadas la malbeninda spirito de tiu laŭvola libereco je hombuĉado, kiu estis donata al la militista klaso. Kia honto, kia superstiĉo!

*IV. Japana kulturo estas klaslimigita*

Kiel mi jam klarigis, estas tute laŭnature, ke ĉio tie ĉi koloriĝas per la klasa distingeco. Oni distingas sin per la kostumoj, rangoj kaj familiaj privilegioj, sed ne per individua valoro, supera klaso laŭjuste malestimas kaj subpremas la subklasanojn.

Neniam oni spertis pri la kunhelpema kaj aŭtonoma dresado, kiu aludas la idealan staton de altvalora socio.

La tie ĉi bonekonata proverbo „Ekster la pordo staras sep malamikoj“ montras al ni, ke oni klopodegis sole defendi sian kaston aŭ familion, eksigante, malfidante senkompate la najbarojn. La venĝemeco estas la vera kerno de socia spirito, oni trovos ties tre tipan ekzemplon ĉe la kazerna vivo de japana armeo: tie nur regas la absoluta kaj malsprita obeismo, sendependanta de konscienca kritikado.

Supra karakterizo aperas ne sole ĉe la armeo, sed ankaŭ ĉialoke sub diversaj formoj. La atmosfero de japana hejmo tre ofte malpuriĝas kun la troa administra potenco de familiestro, la organizaĵoj ĉe grandaj komerckompanioj havas preskaŭ la samajn neelastajn strukturojn kiel la imperiaj ministrejoj.

*V. Japana kulturo estas formula aŭ senanima*

Japanio nedubeble imitis Ĉinion kiel la respektindan majstron depost longe da tempo. Ĉinio estas la lando de miloj da ceremonioj.

Do, kvankam oni ja pretendas esence venigi la eŭropan civilizon, ĉefunde tamen manifestiĝas nur ĝia senanima formulo: la spirito restadas ĉiam kiel antaŭe. Ekzemple, eĉ se oni enkondukis tien ĉi la grandskalan sistemon de moderna fabrikejo, oni deziras daŭre aplikadi al industria administrado la neracian patriarkismon, kiu intencas plenumi sian taskon laŭ la feŭdala landsistemo: ridinda dilemo elaperas de malantaŭ la stranga miksajo.

*VI. Japana kulturo estas laŭmoda*

Japanoj delonge alkutimiĝis vivi en la malgrandaj vilaĝoj sub la simpla kaj neorganizita ekonomio; ili vivis kvazaŭ sin banante trankvile en varmetaj radioj de la printempa suno en la paca terangulo, tial ke ilia ekonomio posedas nur mallarĝan vidaspekton antaŭ si.

Nur lastatempe aperiĝis la koncentriga movado de la grandaj urboj, kie la vivo surhavas tute alispecan aspekton, kaj sufiĉe suferiga laboro estas bezonata por subteni sin kontentige. Cetere en la urboj la homamaso tiel komplike interkunigas sin unu la alian, ke la spirita agonio, ĝis nun nekonata, komencis turmenti la loĝantaron. Mallonge, la japana popolo ne havis la travivajon karakterizan je spirita streĉiteco, ĝis lastatempe.

Sekve la japanoj estas mildtemperamentuloj en la bona senco. Ili fieriĝas kaj kontentiĝas je la malprofunda, ofte afekta fatalismo, influita sendube per la malbonigita Budaismo. Japanoj ne sciis pli kruelan mensstaton ol jaluzon malamikecon, ili ne emis ĝisfunde esplori iun ajn aferon, ofte kontentigite de senvalora misantropismo.

Tial por japanoj estas tre necese ĉiam eĉ momente havi ian modelon aŭ formon, sur kiun ili povus sin sendanĝere apogi; sekve por japanoj la socia modo, kiu senĉese sin ŝanĝas, havas rimarkindan signifon kiel gvidilo.

Ĉiurilate la plimulto el japana popolo estas mizere kondamnita imitadi laŭmodajn aperintajojn sub tiu ĉi mensa inklino; ili vane kaŝas la neinteligentecon, kiam ili pretendas, ke Japanio enhavas ankaŭ sian specialan proprecon plenan je viveca krea povo.

Ĝenerale japanoj estas tre modamaj oportunistoj, senĝene kaj eĉ nekonscience alprenante ĉion bonŝajnigan, indiferente, ĉu la esenca kvalito indas je alpreno aŭ ne.

La laborproblemoj, nun fervore diskutataj, eble ankaŭ koloriĝas per iomete da laŭmoda spirito, ĉar la homoj, kiuj vere suferadas nuntempe, ne estas manaj laboristoj, sed klare la mezklasanoj, devigataj vivadi malgajeĝe kun la fiksita sumo de malmulta salajro. La kialo, kial la laborproblemo sin trovas la fokuso de la nuntempajo ŝuldas sin al influo de tia socia tendenco en tielnomite progresintaj alilandoj, kie la laboristaro estas pozitive partoprenonta je produkta organizacio, post terura klasbatalo, kiu estas nekonata en la kompare paca ekstremoriento.

*VII. Japana kulturo estas rezignema*

Kiel klarigite, niaj samlandanoj ne kapablis gustumi ĉian persistecon en ties prava senco; la popolo iĝis unuflanke tiagrade rezignema dank' al malvirgita Budaismo, aliflanke ankaŭ pere de malice utiligita Konfucianismo, ke oni konsideris ege maldece postuli la rajton kaj laŭrezonajon.

Oni estas volonte aŭskultantaj al senkuraĝaj bonzaĉoj de Budaismo, kiuj pasive predikas pri la fatalnuanca feliĉo en la postmorta estonteco.

Kiel ekzemplo pri tio mi citos historian okazintajon: la kavaliroj sin rajtigis libere rabadi for la virinojn kaj fraŭlinojn de farmantoj kaj komercistoj, dum la lastaj humilige konsideris tian kondutadon kiel familian honoron. Aliflanke tamen se gejunuloj sincere enamiĝis unu en la alian, ili estas ofte kondamnitaj kiel maldeculoj, kaj tia romantika amintrigo ne malofte kostis la kapojn al gebravuloj arestitaj de la dommastro.

*VIII. Japana moderna kulturo estas la alivestajo de eŭropa kulturo*

Ĉio, kio koncernas nunan civilizon de Japanio trovas ties originalon ĉe la eŭropa civilizo; tro multe da materialo ekzistas, por ke oni povu per ĝi pruvi tian fenomenon. Mi ripetas, ke la lernuloj, kiu dezirus eltrovi la propran japanecon el sociaj fenomenoj, multe bedaŭras renkontiĝante nur kun imitajo de alilanduloj.

Kiam alvenos tamen la rozkolora tempo, en kiu la pura altvalora japanajo renaskiĝos el tia prunteprenajo?

*Fu-ĥei-ji.*

---

# Profeto pri mondlingvo en 1641

## Jan Amos Komensky

La 15 novembro okazis la 250a datreveno de la morto de Jan Amos Komenský (Comenius), plej eminenta homo de la ĉeĥa nacio; oni nomas lin „instruisto de nacioj“. Li naskiĝis la 28 marton 1592 en Uherský Brod (Moravio), studis je kelkaj universitatoj en Germanio, poste estis profesoro je la gimnazio de Bohemaj Fratoj en Přerov kaj predikisto en Fulnek. De tie li forkuris en Brandýs n. Orl., kie li — 31 jara — skribis sian faman „Labirinto de la mondo“. En januaro 1628 li estis devigata forlasi Bohemion; li forkuris en polan urbon Leŝno, kie li instruis je gimnazio de Boh. Fratoj (ekzulantoj). Tie ĉi li skribis aron da bonegaj verkoj pri instruado kaj edukado de junularo (ekz. „La Granda Didaktiko“, kaj „Pordego de Lingvoj“). Tiuj ĉi libroj famiĝis lin en la tuta Eŭropo. Li estis invitita en Anglion, Hungarion kaj Svedion por reguligi tie la lernejaron. En la jaro 1848 li estis elektita episkopo de la Frata Unuiĝo.

Kiam Leŝno estis bruligita, Komenský ree perdis sian tutan havajon, kaj samtempe kelkajn grandvalorajn manuskriptojn. Denove li fariĝis malgaja pilgrimanto tra fremdlandoj. Fine li trovis varman rifuĝejon en Amsterdamo (Holando). Tie li ree publikigis ĉiujn siajn verkojn, ĝuante grandan estimon de la tuta popolo. Li mortis en la jaro 1670 kaj estis enterigita en Naarden.

Komenský vivis 78 jarojn; lia vivo estis vico da suferoj, trompiĝoj, maldolĉajoj. Kaj malgraŭ ĉio li disvolvis mirigan laboron, indan de granda spirito, de scienculo, reformisto, filantropo. Ĝis la lasta tempo oni opiniis, ke nur lia pedagogia agado estis speciale grava; sed hodiaŭ ni jam scias, ke lia valoro estas ĉiuflanka, eĉ kiel filozofo, politikisto kaj edukisto en plej larĝa senco morala kaj sociala. Oni eĉ povas certigi, ke lia verkista agado ĝis nun ne estis sufiĉe priŝatita. Li ja en multaj direktoj estis tiom moderna, ke eĉ la hodiaŭa epoko, kvankam ĝi aprobas liajn proponojn kiel utilaj, necesegaj kaj realigeblaj, ne sukcesis ankoraŭ ilin ĉiujn realigi. Sed ni estas konvinkitaj, ke laŭvorte plenumiĝos tiudirekte la vortoj de Leibnitz, kiu skribis en 1671: „Venos la tempo, kiam aro da bonaj homoj sin okupiĝos pri vi, *Komensky*, eĉ pri la faroj kaj esperoj viaj, eĉ pri viaj deziroj!“

Multaj samideanoj certe demandos, kial ni skribas ĉi tie pri Komenský? Al tiuj ni respondas: Ĉar li estis la unua, kiu proklamis bezonon de helpa lingvo internacia, ĉar Esperanto do plenumas unu el plej ardaj kaj gravaj liaj deziroj!

Plej multajn menciojn pri la ideo de artefarita internacia lingvo oni trovas en la fama verko de Komenský „Via lucis“ (La Vojo de Lumo, 1641). Ni citu kelkajn el ili:

„Je la multformaj malfacilajoj kaj konfuzoj de homaraj interrilatoj, kaŭzataj per multo, malfacileco kaj neperfekteco de lingvoj, oni havas nenian pli efikan rimedon, ol krei *lingvon novan*, pli facilan ol estas ĉiuj jam konataj, ke oni povu ĝin lerni sen perdo de tempo...“

„Sed plej bone estas elekti tiun vojon, *krei ian lingvon komunan al la tuta monda suprajo*...“

„Do la kleraj homoj ĉiel devos pripensi la manieron, per kiu aŭ ili mem kiajn ajn lingvojn facile ekposedus, aŭ *ian novan lingvon kreus*, per kiu eĉ ili mem, interparolus, eĉ kiun ili al aliaj (eĉ tute nekleraj) nacioj instrui povus.“

„Neeviteble do eĉ nun, kiam oni volas kaj esperas rebonigi la tutan mondon, oni devos serĉi la helpon de lingvoj... ĉar ĉiaj nacioj bezonos ian komunan lingvon. Kaj ambaŭ ĉi tio, kvankam ĝi ŝajnas esti malfacila, tamen ne estas; tiu ĉi lasta estas eĉ pli facila ol la unua. Ĉar pli eble ĉiuj ellernos ion saman, ol unu ellernos ĉion...“

„... Ni opinias, ke *la mondo bezonas unu komunan lingvon*, kaj se ne ekzistus alia, oni devus prefere por tiu bezono destini la latinan, ol kia ajn alia lingvo. Sed ĉar niaj ideoj nun pli alten celas, ni nur povas konsili la alprenon de *lingvo tute nova*.“

„Eble ankaŭ ne ekzistos homo embarasata pro la demando, ĉu estas eble krei novan lingvon. Se tamen iu ekhavus tiun ĉi ideon, al tiu mi respondas, ke estas eble ĝin krei... Ĉar se estis eble ĝis nun al Adam, al la scienculoj, metiistoj kaj kiaj ajn homoj speciale nomigi la objektojn, kial ne estus eblaj eĉ vortoj eĉ partoj kaj la ceteraj apartenajoj al la tuta afero? Kaj se tiom da lingvoj ekekzistus hazarde per sola konfuzigo, kial ne eĉ unu sola per konsilo kaj saĝo kaj denova plibonigo pura kaj arta?“

Oni ne miru do, ke la Ĉeĥoslovakoj tiel fervore lernas Esperanton. Ili havas pluan specialan motivon ĝin ami kaj disvastigi, ĉar por ili ĝi signifas novan realigon de la grandaj kaj progresemaj ideoj de la fama Komenský!...

*Voĉo.*

---

# INTERESA ENKETO

## Leĝo pri deviga instruado

La oficiala „Centra Komitato Lerneja“ de la urbo *Antwerpen* pristudas la rimedojn por alveni al la plej efika apliko de la leĝo pri deviga instruado en Belgio. Pro tio ĝi faras enketon en ĉiuj landoj uzante nian lingvon.

Ĉiuj Esperantistoj kompetentaj estas petataj, sendi al la Sekretario de la citita komitato: S-ro Frans Schoofs, Kleine Beerstraat 45, Antwerpen, respondon al la jenaj demandoj:

1e Ĉu ekzistas en via lando leĝo pri devigo de instruado? 2e Inter kiuj aĝoj la infano *devas* iri al lernejo? 3e Ĉu la instruo *devas* okazi en lernejo? 4e Ĉu hejma instruo estas tolerata? 5e Se jes, sub kiuj kondiĉoj? 6e Kiuj kaŭzoj de foresto de la lernanto estas laŭleĝe akceptataj? (Ekzemple, pro malsano.) 7e Kion faras la lernejestro kiam infano forestas de la lernejo? 8e Kiom da fojoj la lernanto povas foresti pro kaŭzo ne laŭleĝe akceptita, antaŭ ol la gepatroj aŭ zorganto estas persekutitaj? 9e Kiuj estas la sankcioj aŭ punoj sinsekve aplikataj: *a)* pro unua foresto *b)* pro dua foresto *c)* pro pluaj forestoj *d)* pro sistema daŭra forestado. 10e Kiam lernanto estas renkontata sur publika vojo dum lerna tempo, ĉu policano aŭ alia oficisto aŭ alia persono povas konstati sur la strato mem la malobeon al leĝo? 11e Se jes, kiel agas tiu policano aŭ alia oficisto aŭ alia persono? 12e Kiu aŭtoritatulo decidas pri la aplikota puno? 13e Ĉu ekzistas aliaj leĝoj aŭ aranĝoj por eltiri el la leĝo pri deviga instruado la plej grandajn fruktojn?

La respondoj ricevotaj donos al la Sekretario, kiu estas samtempe Delegito de UEA, okazon por montri al multaj altrangaj samurbanoj la utilecon de nia lingvo. Baldaŭa respondo estas do tre dezirata.

---

# Lingvaj Studoj

## Pri la vorta precizeco

Ekzistas esperanta ŝercaĵo uzata dum disputoj pri la vorta precizeco. Ĝi proponas al precizemulo jenan precizan frazon: „enmanigu al mi hoteloĉambropordoŝlosilon!“ anstataŭ simpla „donu al mi la ŝlosilon!“ (sceno okazas en hotela koridoro). En diskutoj idisto-esperantistaj multo estis eldirita pri tiu temo, kaj niaj kontraŭuloj pli ol unufoje asertis, ke ili staras sur scienca bazo. Hodiaŭ mi tradukos por la legantoj kelkajn lokojn el konata lingvistika verko de M. Bréal: „Essai de Sémantique“ (t. e. Provo de signifoscienco).

„Estas sendube, ke la lingvo nomigas objektojn per neplena kaj malpreciza maniero. *Neplena:* ĉar oni ne elĉerpis ĉion, kio estas direbla pri la suno, kiam oni diris, ke ĝi estas brila (vorto *suno* laŭlitere signifas *radia, brila*, en indo-eŭropa lingvo, n. d. l. t.) aŭ pri la ĉevalo, kiam oni diris, ke ĝi kuras. *Malpreciza*, ĉar oni ne povas diri pri la suno, ke ĝi brilas, kiam ĝi estas subirinta, aŭ pri la ĉevalo, ke ĝi kuras, kiam ĝi ripozas, aŭ kiam ĝi estas vundita aŭ morta. En niaj lingvoj estas nomoj abstraktaj, kiuj pleje korespondas al la objekto, ĉar ili prezentas simplan produkton de la spirito: kiam mi prenas du vortojn *kunpremebleco* kaj *senmorteco*, ĉio estanta en la ideo troviĝas en la vorto. Sed se mi prenas realan estaĵon, objekton ekzistantan en la naturo, la lingvo ne kapablas enmeti en la vorton ĉiujn ideojn, kiujn la estaĵo aŭ la objekto elvekas en la spirito“. Brahmana gramatikisto Ĵaska skribis: „Se herbo estis nomita *trjna* pro sia eco pika *(trj)*, kial ĉi tiu nomo ne signifas ĉion pikantan, ekzemple kudrilon, lancon? Aliflanke, se kolono estis nomita *sthuna* ĉar ĝi staras *(stha)*, kial oni ne nomas sammaniere kolonon subtenantan aŭ eningiĝan?“.

Similaj je tiuj demandoj estis faritaj de kritikoj, kiuj deziris senvalorigi Esperanton: se *pafilo* estas ilo por pafi, kial ĝi ne signifas ĉiujn ilojn por pafi, t. e. revolveron, pistolon, kanonon... se kreskaĵo signifas estaĵon, kiu kreskas, kial ĝi signifas nur vegetalon (planton), sed ne ankaŭ fungon, fiŝon, birdon, absceson, beston, fermentan paston, tumoron k. t. p.?

M. Bréal tiel respondas al la demandoj: „Kiam vorto estas akceptita, ĝi baldaŭ seniĝas je sia etimologia senco. Alie tiu lasta povus iĝi malhelpo kaj maloportuno Vortoj (konscie) kreitaj de instruituloj kaj de sciencistoj eble havas pli da precizeco? Nenion precizan oni trovas en ili. En XVII-a jarcento Van Helmont nomas *gasoj* korpojn, kiuj ne estas solidaj nek fluecaj, laŭ nederlanda vorto *gest* spirito, feo. Tiu nomo estas same tiom maldefinita kaj nepreciza kiom latina *spiritus* kaj greka *psyĥe*. Pro patriotisma sento franca ĥemiisto nomas novan metalon eltrovitan de li *galiumo*, germana sciencisto, ne malpli patriota, respondas per *germaniumo* (ĥemia elementa korpo). Kian fundan signifon pri la objektoj havas nomoj de planetoj *Jupitero, Merkuro,* aŭ normoj de elektrokvantoj *ampero, volto?*.“ (Ampère kaj Volta estis du fizikistoj.)

*Petro Stojan,*
L. K. en Kragujevac-Serbio.



# LITERATURO



## La Etiopia Poŝtmarko

de **Gaston Picard**

S-ro Martinclar estis kolektanta ĉu portilseĝojn, ĉu porcelanaĵojn. Li neniam persiste kondukis siajn traserĉadojn. Neniu el liaj kolektoj estis plena. Tiam li speciale interesiĝis pri poŝtmarkoj.

Li ŝatis la neuzitajn poŝtmarkojn pli ol la stampitajn. Kaj, dum multaj horoj, li restadis ĉe la ĉefaj poŝtmarkvendistoj, elektante la delikatajn bildojn per la alumina preniletо kaj multege petante sciigojn pri la karaktero de ĉiu. Li taksis poŝtmarkon ne nur pro ĝia valoro, li ŝatis ĝin pro ties prezentita desegnaĵo. Precipe lin ensorĉadis la pejzaĝoj, kiuj prezentis dormeman dromedaron en la dezerto je la nedensa ombro de senkultura figujo, aŭ sur kiuj bluega maro ĉirkaŭas la piedestalon de „Libereca statuo heliganta la Mondon".

Tiel el ĉiuj unu Etiopia poŝtmarko allogis lin: du fraŭlinoj enkadrigis rivereton, ĉe kiu trinkis malsovaĝa krokodilo; je la malantaŭejo, luno dislumiĝis, per sia orumita palega lumo, tute alilandan horizonton. Tiu-ĉi poŝtmarko valoris po 25 centimoj, kiam oni eldonis ĝin; ĝin S-ro Martinclar aĉetis por la bagatelo da 1731 frankoj. Ĝin li admiriĝis de unu el siaj bonaj kamaradoj, kiu nenion komprenis pri la puranima ĝojo de la filatelio kaj ĝin tre enviis diletante.

— Po tiu-ĉi prezo, diris la unua, mi preferus beletan pentraĵon.

— Fi! estas malgravaĵeto, diris la dua.

S-ro Martinclar, ĉagrenite, remetis la „malgravaĵeton", la mirindaĵon! en sian monujon. La poŝtmarkon li konservis tie, tute proksime, por ke li povu ofte ĝin rigardi. Kian voluptplenan lacegecon li divenis en la malgrandegaj okuloj de la etiopiaj fraŭlinoj! Kaj kiel poezie la horizonto rememorigis al li belegajn priskribojn de Baudelaire! Rilate al la tiel flegma, tiel saĝigita krokodilo, pri ĝi li songis dum la dormado.

Kredeble, S-ino Martinclar ne sampensis pri la preferoj de sia edzo. Pri iuj kolektoj, al ŝi sufiĉis atenteme konservi la hejmfakturojn kaj la lavistinajn notlibretojn. Ŝi tre taŭge mastrumis la hejmon kaj subtegmenten forpelis la porcelanaĵojn kaj la portilseĝojn, pri kiuj antaŭe pasiiĝis S-ro Martinclar kaj nun forlasitajn profite al poŝtmarkoj. Pri tiuj ĉi, la tre atentema edzino konsideris kontentigecon: ili ne ĝenas, ŝi diris!

Efektive, S-ro Martinclar kunigis siajn riĉaĵojn en bombonujon. Li malŝatis albumon, kie la poŝtmarkoj havas specialan lokon laŭ la lando kaj laŭ la eldonjaro. Siajn poŝtmarkojn li laŭlinigis nur laŭ sia kaprico sur la plilongigebla tablo, kunmetis la pejzaĝojn laŭ siaj preferoj; poste li entenis ilin en la bombonujon, kiu estis ilia konservejo, ilia kristalpalaco, krom la etiopia poŝtmarko, kiun neniam li forlasis.

Tamen ĝin li forlasis, iam kiam li forgesis sian monujon sur la kanapo en sia salono. Reveninte post komisio:

— Mi estis tre embarasita, diris S-ro Martinclar al sia edzino. Ne unu centimon en mia poŝo!

Verdire, li estis suferinta malpli pro la manko da mono, ol pro la neposedo de la tiel ŝatata poŝtmarko. Li antaŭĝojis, revidonte la du fraŭlinojn, la krokodilon, la horizonton. Tuj li malfermis la monujon.

La etiopia poŝtmarko ne plu estis en ĝi!

— Neniu tamen maldiskrete... balbutis la kolektanto, sufokante.

S-ino Martinclar malĝentile diris:

— Mi, via edzino, ĉu mi ne rajtas malfermi vian monujon?

— Sed la poŝtmarko... la poŝtmarko...

— Mi havis leteron forsendotan kaj neniun poŝtmarkon je mia dispono. Mi scias, ke ofte vi havas poŝtmarkojn en via monujo...

S-ro Martinclar, estas vere, ĉiam en specialan faketon de sia monujo, metis siajn biletarojn por la subtera fervojo kaj siajn poŝtmarkojn por la kutima uzado.

— ... Kaj mi elprenis tiun, kiu estis en ĝi, konkludis S-ino Martinclar.

Sangalfluiĝinte, li ekkriis:

— Ĝin vi algluis sur vian leteron?

— Kompreneble.

— Ĉu vi ne rimarkis, ke ĝi prezentis krokodilon?

— Krokodilon?

— Kaj etiopiajn fraŭlinojn? kaj horizonton?

S-ino Martinclar antaŭpensis, ke ŝi estis farinta unu el tiuj malfertaĵoj, kiuj eterne disigas geedzojn.

— Ĉu ĝi ne estis ordinara poŝtmarko? Ŝi treme diris.

Sed jam S-ro Martinclar piedfrapis.

— Ĉu via letero estas forsendita? li kriegis.

La malfeliĉulino klinetis la fronton.

— Al kiu adreso?

— 23ter, strato Lauriston, al Ges-roj Tasse. Ilin mi invitis por posttagmeze manĝeti, venontan dimanĉon.

Ges-roj Tasse estas el tiuj malnovaj amikoj, kiujn afablaj geedzoj akceptas unu aŭ dufoje, ĉiujare.

— Mi rapidas por averti ilin! ekkriis la kolektanto.

— Kaj se la letero estus ankoraŭ en la leterkesto? diris lia edzino, kun iom da espero en sia malfeliĉa koro.

Per la fingro ŝi montris, trans la fenestro, la leterkeston kontraŭe lokitan.

Bruege malsupreniris S-ro Martinclar. Pro senpova kolero li turmentiĝis antaŭ la leterkesto, kompreneble fermita. Li prove ekrigardis tra la truo. Lia okulo nur vidis nigron.

Li atendis la leterportiston komisiitan por alpreni la leterojn. Al la klarigoj de S-ro Martinclar tiu ĉi homo respondis per timigantaj muteco kaj senmoveco sed akordiĝantaj kun la plenumado de sia ofico. Ĉu vi iam eltiris, mi ne diras leteron, sed parolon leterportisto komisiata por malplenigi leterkeston?

La kolektanto rimarkis la leteron de S-ino Martinclar, kiun la sako je leda buŝego englutis kun la aliaj.

Li resupreniris hejmen. Li malbenis sian malfeliĉan edzinon. Subite li forkuris al la poŝtoficejo. He! li parolus al la poŝtoficejestro; li klarigas al li la okazintaĵon... Estis jam la 7a horo. La ferkurteno de la poŝtoficejo alteriĝis.

La morgaŭan tagon, S-ro Martinclar sonoregis ĉe la pordo de Ges-roj Tasse. Li timis, ke la poŝtoficisto, komisiita por stampi la poŝtmarkojn, estu rimarkinta la strangecon de l' afranko, pri kiu kulpa estis S-ino Martinclar, kaj ke, plenrajte apartigita, la letero estadu la kaptaĵo de la poŝtoficejestraro.

La pordo de Ges-roj Tasse restadis fermita. S-ro Martinclar resonoregis. La pordistino eliris, montrante sian pintan nazon, kiu subtenis okulvitrojn, sian kamizolon, kiu malkovris senforman bruston, kun balailo ĉe la mano.

— Sinjoro nescias do, ŝi diris, ke Ges-roj Tasse estas forveturintaj al Ameriko, lastan semajnon?

Nekonsciante, S-ro Martinclar malsupreniris kelkajn ŝtupojn de la ŝtuparo.

— Se la leterportisto estus veninta, timeme li diris, ĉu ne estis letero por ili?

— Efektive. Eĉ mia filo, kiu multe scias, rimarkis, ke ĝi estis afrankita per neordinara poŝtmarko.

S-ro Martinclar rekuraĝis; li estis sukcesonta.

— Ĉu vi konsentus doni al mi tiun ĉi leteron? li demandis preskaŭ ridetante.

La pordistino respondis: Mi reforsendis ĝin!

La bombonujo, la poŝtmarkoj nun estas sub la tegmento kun la portilseĝoj kaj la porcelanaĵoj. S-ino Martinclar tre bedaŭras ilin: ŝia edzo nun kolektas pajloŝtopitajn birdojn!

El franca lingvo tradukis: *G. Delanoue*

kun la permeso de la verkisto

# Dancmelodio

Je la honoro de la bardo Heinrich von Ofterdingen
verkita de **Victor v. Scheffel**

*Regin'-najtingalo fringetojn admonas:*
*„Orpure ludad' violona eksonas;*
*Pepuloj, kriuloj, ĉesigu diskanton:*
*Henriko stiria eniris la landon!“*

*Ŝuisto butika kun ĝojo konfesas:*
*„Ĉielo favora pri mi ne forgesas;*
*Pland-ledo kariĝas, danc' fendos ŝu-randon:*
*Henriko stiria eniris la landon!“*

*Jam sub la tilio, ravitaj, ĉarmitaj*
*Fraŭlinoj amindaj, per flor' ornamitaj,*
*Alvokas dancantojn svingante girlandon:*
*Henriko stiria eniris la landon!*

*Kun kruroj ostecaj al danc' prepariĝas*
*Avino sulkhava, — denove juniĝas;*
*Ŝi levas la jupon, flirtigas rubandon:*
*Henriko stiria eniris la landon!*

*Paŝtist' lasas aron, la mastro-gastejon,*
*Servisto-ĉevalojn, kampulo-plugejon;*
*Gardist', bienestro riproĉas la bandon.*
*„Henriko stiria eniris la landon!“*

*Sed li violonon al brusto eklevas,*
*Enpense ludante muzikon li revas.*
*La fajro de l' sonoj orumas la kanton:*
*„Henriko stiria eniris la landon!“*

*. . . En monaĥinejo virino dejoras, . . .*
*Ŝi aŭdas la sonojn, maldolĉe ekploras:*
*„Mi prenis vualon, rezignis am-frandon,*
*Henriko stiria eniris la landon!“*

El la germana lingvo tradukis: *Zanoni.*

---

# Kristnaska rimaĵo

Laŭ ritmo libera de **Edmond Privat**

*Kun ĉapo malgranda*
*Kaj vesto ridinda,*
*Jen haltis maljuna la viro.*
*Li haltis sur strat' kun sopiro.*
*Tie kuŝas la dometo*
*Ligna kun pordeto*
*Verda. Ĉio silentas.*
*Io lin tentas.*
*Ĉu li povos ne vidate*
*Eniri kaj korbate*
*Sidiĝi, en la fundo de l' gardeno,*
*Sur benko tuj proksima al jasmeno.*
*Benko ja konata.*
*Benko amata . . .*
*Kiu loĝas en la domo nun?*
*Kiu manĝas sub la lampo kun*
*Edzino kaj infanoj blondaj*
*Ĉe tablo familia kun pladetoj rondaj*
*Al supre fumetantaj,*
*Al lipoj ridetantaj?*

*Revante, la maljunulo*
*Sin revidis feliĉulo*
*Kiam, antaŭ multaj jaroj,*
*Al li estis brunaj haroj*
*Kaj espero kaj juneco.*
*Tiam regis la gajeco:*
*Lia hejmo estis hela,*
*La edzino bela,*
*Gefiletoj plej amantaj,*
*Tutan tagon kuretantaj*
*Tra la domo*
*Jen kun pomo,*
*Jen kun pupo.*
*„Kie lupo*
*Kaŝiĝis?“*
*Montriĝis*
*Oreleto.*
*Saltuleto*
*Kaj anĝelino,*
*Dolĉa birdino,*
*Plenigis tutan mondon,*
*Ĉieligis etan rondon.*
*Kantoj sonis,*
*Kisoj donis*
*Lumon en la koro,*
*Puŝon al laboro . . .*

*Iam blovis vento,*
*Terura tento*
*Por akiri pli da mono*
*Nur por ili, demono*
*Diabla de l' riĉemo,*
*De l' senĉesa pligajnemo . . ,*
*Kapturniĝo,*
*Krimuliĝo . . .*
*Ĉio estis perdita,*
*Ĉio forglutita.*
*Mortis edzineto pro la bato.*
*Mortis knabineto pro malsato*
*Kaj malsano.*
*Por pano*
*Malproksime baraktas filo.*
*Ho Dio, momenton da trankvilo*
*Kompate donu!*
*Ho Dio, nun pardonu*
*Post tiom da sufero!*

*Estas ja vespero*
*Kristnaska. Lumo brilas*
*Tra la vitroj. Fajro brulas*
*En kameno. Festo jus finiĝas.*
*Kandeloj estingiĝas*
*Sur abio ŝarĝita*
*Per frandaĵoj. Finita*
*La kisado*
*Kaj donacado*
*Kutima. Al litetoj*
*Jam iris la mastretoj*
*Nunaj de la domo.*
*Baldaŭ en la dormo*
*Ĉio silentos.*
*Nur ventos*
*Ekstere*
*Terure.*

*La morgaŭon en mateno*
*Kuris knabo en ĝardeno*
*Kaj sur benko vidis . . .*
*Maljunulo sidis*
*Pala kiel neĝo.*
*Morta leĝo*
*Lin pacigis.*

---



# ESPERANTISMO



## KRONIKO

**Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri sia agado. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.**

**Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.**

### Aŭstrio.

***Wien*:** Paroladoj de S-roj H. Steinhauer kaj K. Neumann. Kurso kun 25 p.

### Belgio.

***Anderlecht*:** Kurso malfermiĝis. — ***Gent*:** „Nia folieto" ne plu aperas. „Belga Esperantisto" reaperos. — ***Liège*:** Parolado de Kom. Raulier. Kurso. — ***St-Gilles*:** Kurso de F-ino M. Jennen. ***Antwerpen*:** 2 grupoj revekiĝis. „La Verda Stelo" organizas 3 kursojn (Prof. Frans Schoofs kaj M. De Ketelaere) kun 100 p., „La Suda Lumo" 1 kurson kun 40 p. (Prof. Jan Jacobs). Specialajn kursojn: Frans Schoofs por 40 knaboj 12—16 jaraj kaj Jan Jacobs por 40 urbaj geinstruistoj. La 6 supremenciitaj kursoj okazas en oficialaj urbaj lernejoj.

### Britio.

***Edinburgh*:** Malfermiĝis bazaro por la helpo de la kaso de B. E. A., kiu enspezis £ 70. Kolonelo Pollen paroladis. — ***London*:** Kunveno de la Del. de UEA okazos en januaro. Multaj paroladoj okazis lastatempe. — Paroladoj kaj festaj kunvenoj okazis en Bath, Barry, Bedford, Birmingham, Brighton, Colne, Dunfermline, Edinburgh, Glasgow, Hastings, Southport, Leeds, Leith, Letchworth, Liverpool, Manchester, Newcastle, Portsmouth, Sheffield, k. t. p. La movado estas ĝenerale tre vigla en Britio nuntempe.

### Bulgario.

***Pirdop*:** Kurso de S-ro Ivan Krestanof.

### Ĉeĥoslovakio.

***Bischofteinitz*:** F-ino Metzner komencis Esp. instruadon en la burĝa lernejo por knabinoj. — ***Brno*:** Kurso de Prof. Murath, 25 p. Prof. Baudis instruas Esp. en la komerca lernejo kiel libervolan fakon. — ***Buschtehrad*:** La fervoja direkcio eldonis cirkuleron en Esp. instigante la fervojistojn lerni la lingvon por la okazonta kongreso, kiu sendube kaŭzos konsiderindan trafikon de fremdlandanoj. — ***Fleissen*:** S-ro Diener gvidas kurson kun 15 p. — ***Haindorf*:** S-ro Schmidt malfermis kurson por plenaĝuloj. — ***Hegewald*:** S-ro Schmidt instruas Esp. en la popola lernejo. — ***Kladno*:** Kurso ĉe Socialista libera lernejo; instruas S-ro Janout. Kurso de klubo „Zamenhof"; gvidas S-roj Brož kaj Drsek. Regulaj kunvenoj. — ***Leitmeritz*:** Prof. D-ro Hickel gvidas kurson kun 30 p. En gimnazio li instruas Esp. al 13 l. — ***Mähr.-Schönberg*:** Komencis du Esp.-kursoj kun 43 p., gvidataj de S-ro J. Gabriel. La gazetoj „Grenzbote" kaj „Deutsche Wacht" publikigis artikolojn pri Esp. — ***Oderfurt*:** Komencis kurso. S-ro Benisch el M.-Ostrau parolis germane pri „Esp. kaj ĝia celo". La kurson gvidas S-ro Barta, 38 p. — ***Olomouc*:** Kursoj estas gvidataj depost komenco de oktobro de S-roj Horák 1 kun 40 p., Kudela 1 kun 30 p., Neužil 4 kun 100 p., Rebiček 1 kun 20 p., Wolf 1 kun 6 p. Kunvenoj de Esp. soc. okazos de nun ĉiusabate je la 8 h. vespere en hotelo Merkur (Lauer). Gastoj bonvenaj. Je iniciato de Esp. soc. la ŝtata fervoja direkcio rekomendis per cirkulero al siaj fervojistoj la tujan lernadon de Esp. por pliagrabligi al la kongresanoj de la XIIIa la vojaĝon kaj restadon en la ĉs. respubliko. La tutan aferon gvidas S-ro fervojkonsilanto Rebiček. Komencis jam Esp. kursoj en kelkaj pli grandaj stacidomoj kiel Frýdek-Mistek, Přerov, M. Ostrava, Uh. Hradiště, k. a. La kongresanoj pasontaj al Praha Olomouc (Olmütz) estas petataj viziti nian iaman reĝan ĉefurbon. La Del. de UEA, S-ro Kudela, zorgos pri ilia bonakcepto, ĉe kiu estas haveblaj ĉiuj informoj. — ***Pensen*:** Kurso de S-ro Klinger el Tetschen kun 20 p. — ***Praha*:** „Rondeto de Esp-inoj" aranĝas 3 kursojn. Instruas F-inoj Dlouhá kaj Šupichová. Novan gazeton, skribitan nur boheme por la informado de la publiko, eldonas faka instruistino F-ino Šupichová. Ĝi nomiĝas „Esperantský Zpravodaj". Artikolo pri Esp. aperis en „Mčitelské Noviny" (Por instruistoj) verkis F-ino Šupichová. „Malý Čtená" enhavas denove porinfanan Esp. rubrikon, gvidatan de la sama propagandistino. Depost la starigo de la XIIIa Kongresa loka komitato la Esp. movado pliviglíĝis. Kursojn gvidas S-ro Hromada kaj F-ino Šupichová. Paroladoj okazis de Prof. Krouzil en la societo de inĝenieroj kaj arkitektoj, de S-ro Pitlik pri „Comenius kaj artefarita neŭtrala lingvo", de S-ro Hebky, legionano, pri „Esp. en Siberio", de F-ino Šupichová pri „Comenius kaj Esp.", de Prof. Murath pri Esp. La loka kongresa komitato por helpi la kongresan kason aranĝis publikan teatran prezentadon „Lili Grünova" komedio de Földes. — ***Tetschen*:** La grupo aranĝis dum okt. ekskurson al „Immenheim". Ĉiuvendrede kunvenoj alterniĝante en Tetschen kaj Bodenbach. — ***Trautenau*:** S-ro inĝ. Scholze faris propagandan paroladon. Ĉeestis proksimume 200 p. Aliĝis tiom da kursparto prenantoj, ke oni estas devigata malfermi du paralelajn kursojn. S-ro dir. Massepust instruas Esp. en la burĝa lernejo por knabinoj kiel libervolan fakon. S-ro Mayer el Goldenöls aranĝis Esp.-ekspozicion. La kolekto de PK el 126 landoj kaj la kolekto de Esp. glumarkoj (pli ol 300 ekz.) vekis grandan intereson.

### Danio.

***Kjöbenhavn*:** Parolado de F-ino Rybo pri la XIIa Kongreso. F-ino A. Jörgensen parolis pri vojaĝo al Belgio. Oni estas tre favora al la okazigo de la XIVa Kongreso en Kopenhago en 1922. La D. E. L. ekzamenos la aferon kun la diversaj grupoj. Propaganda parolado de S-ro Flemmer. Kurso de F-ino Noll.

### Liberŝtato Danzig.

***Danzig*:** Festo okazis la 16 novembro okaze de la 13a datreveno de la fondiĝo de la grupo. — ***Praust*:** Propaganda festeto; parolado de S-ro Amort; teatra prezentado. Nova kurso gvidata de S-ro Hoffmann; 18 p.

### Estonio.

***Tallinn-Reval*:** Kurso de F-ino Helmi-Drezen 31 p.

### Finnlando.

***Forssa*:** S-ro J. Saarinen instruas Esp. en la geknaba lernejo. — ***Halikko*:** Kurso de S-ro V. Saurio, 25 p. — ***Kajaani*:** La vespera lernejo enkondukis elementan kurson de Esp. — ***Kuopio*:** 4 kursoj, 155 enskriboj. — ***Tampere*:** 2 kursoj de S-ro E. Boëlius ĉe la Komerca Instituto, sume 46 p. Okazis paroladoj kaj festetoj en Mikkeli, Laihia kaj Sortavala, kie fondiĝis grupo.

### Francio.

***La Mure*** (Isère): Publika parolado de Prof. Caillet. Ĉirkaŭ 300 aŭdantoj. Baldaŭ kurson. — ***Nemours*:** Dank' al la oficiala permeso de l' Akademia Inspektoro en Melun, S-ro Bertelhot, kaj dank' al la tre ŝatinda helpo de l' Unuagrada Inspektoro en Fontainebleau, S-ro Boitiat, ambaŭ tre favoraj kaj tute simpatiaj al Esp. ĉe la lernejoj, nia sam-ano G. Delanoue, Del. de UEA, sukcese paroladis la 27 oktobro en Nemours kaj la 29 oktobro en Fontainebleau antaŭ la geinstruistaro post la pedagoga parolado de l' Inspektoro. Tre interesiĝis la ĉeestintaro, al kiu nia sam-ano komunikis tre interesajn dokumentojn pri la desegnado laŭ la bonegaj metodoj de S-ro Neužil, lernejestro en Olomouc-Neředin (Moravio). Verŝajne ni povas esperi la enkondukon de Esp. ĉe la lernejoj en Nemours

kaj Fontainebleau. Ankaŭ interesiĝas pri Esp. la geinstruistaro de Montereau; kelkaj el ili, invititaj de l' Unuagrada Inspektoro, ĉeestis la kunvenon en Fontainebleau. — ***Orléans*:** Parolado de F-ino G. Gérard, 60 p. 10 p. ĉeestos la kongreson en Praha. — ***Paris*:** En „Petit Parisien" (la plej disvastigata franca gazeto) de 19 nov. konata franca historiisto, prof. de Pariza Universitato, Aulard, dum longa tempo partiano de franca lingvo kiel L. I., antaŭ nelonge konvertita al Esp., publikigis tre favoran ĉefartiklon „La Popoloj bezonas Lingvon Internacian", en kiu li laŭde parolis pri Esp. La semajna gazeto de Nice „La Chronique" enhavas konstantan priesp. fakon. La parolado de Prof. Richet estis plene represita en la Bulteno de la Societo por la disvastigo de nacia industrio; du fakaj revuoj „La revue générale d'électricité" kaj „Le génie civil" favore resumis ĝin. La 11 novembro S-ro Archdeacon faris paroladon pri Esp. en grava kleriga asocio „L'Association polytechnique".

## Germanio.

***Freiburg i. B.*:** Parolado de S-ro Franz Döring ĉe la societo „Latitia". 2 kursoj por infanoj kaj plenaĝuloj. — ***Sebnitz*:** Fondiĝis grupo. Loka gazeto enhavas regule Esp. artikolojn. — ***Gross Strehlitz*** (Supera Silezio): Kurso de S-ro E. Szmelczynski, 10 p. — ***Wilhelmshaven-Rüstringen*:** La Esp. grupo „Jadegolfo" aranĝis 3 novajn kursojn kun 80 p. La kursoj okazas en urbaj lernejoj kaj por la katolikaj societoj en la „Kolpinghaus". La estraro de la bankoficistoj rekomendas la eklernon de la lingvo Esp. — Multaj kursoj estas organizitaj en ĉiuj landpartoj interalie en: Aue (Erzgebirge), Berlin, Braunschweig, Breslau, Deuben, Dobritz, Frankfurt, Hof, Koblenz, Leipzig, Mörs, München, Pforzheim, Radebeul, Stolberg, k. t. p. Fondiĝis novaj grupoj en Burgstädt, Harburg, Koblenz, Trebnitz.

## Georgio.

***Tiflis*:** Parolado de D-ro Andreo Fiŝer, pli ol 100 ĉeest., nova kurso kun 28 p.

## Hispanio.

***Barcelona*:** La Esp-istoj vigle klopodas por helpi al la malsatantaj aŭstriaj infanoj. Okazis pri tio gravaj paroladoj. — ***Bilbao*:** Kurso en Socialista Societo de N. Lázaro. — ***Huesca*:** Nova kurso de S-ro Artigas. — ***Jerez de la Frontera*:** Okazis parolado kaj koncerto. Ekspozicio okazos en decembro. Oni petas sendon de Esp-aĵoj. — ***Sabadell*:** La grupo ekskursis al Santa Fe del Montseny. — ***Vendrell*:** Kurso de F-ino M. Julivert.

## Hungario.

***Budapest*:** La komitatkunsido de la Hungara Landa Esperanto Societo esprimis laŭ propono de Del. Balkányi la dankon de la hungaraj Esp-istoj al la C. O. de UEA, ke ĝi ebligas al la hungaraj UEA-membroj resti membroj kaj ricevi la gazeton „Esperanto" por malalta kotizaĵo. Pro la ministra ordono pri fakultativa instruado de Esp. en mezlernejoj, oni sendas al ĉiuj lernejoj apartajn alvokojn. Komitato fondiĝis por aranĝi la IVan landan kongreson kun postkongreso post Praha en somero 1921. La ĵurnaloj ofte publikigas sciigojn pri Esp. ensenditajn de Hung. Esp. Servo. La 7 oktobro en la bibliotekĉambrego de Komerca Muzeo okazis prelego, farita de S-ro A. Laquer, pri la Pariza kaj Haga kongresoj. Samtempe estis ekspozicio de Esp. komercaj reklamoj. S-ro J. Major instruas Esp. kun permeso en 6a klaso de popollernejo. S-ro P. Balkányi finis kurson kun 8 p. Fakgazetoj de oficistoj kaj komizoj publikigis alvokon, partopreni la internacian eksperimenton de Germ. Esp. Asocio. La gazeto ilustrita „Vasárnapi Ujság" publikigis bildojn pri la Haga kongreso. La Ministro por Instruado, S-ro Haller, sub N-ro 111 316 V. 1920, de 30 okt. eldonis dekreton, laŭ kiu li permesas al la instruistoj de la Hungara Esp. Asocio instrui Esp. en ĉiuj ŝtataj mezlernejoj du horojn po semajno. Tiu dekreto rilatas al memvolaj instruistoj kaj memvolaj instruatoj ĝis la fino de la lernejjaro. Tiun sukceson oni ŝuldas al S-ro Laquer Sandor. — ***Kispest*:** Nova laborista grupo. Prez. S. M. Zsámbsky, adr. Szigligeti tr. 11. — ***Miskolcz*:** D-ro Györy-Nagy klopodas enkonduki Esp. en la lernejojn. 10 komercIernantinoj jam lernas.

## Jugoslavio.

***Krizevci*** (apud Zagreb): Malfermiĝis kurso. Instruas sam-ano J. Pipinić, ano de l' „Soc. de Esp. en Zagreb", ĉiudimanĉe. Partoprenas 50 p. Instruas laŭ la lernolibro de Edm. Privat. — ***Zagreb*:** Societo „Kroata Laboremulo" aranĝis grandan ekspozicion de Esp-aĵoj, malfermita de la banuso D-ro Matho Laginja. Parolado de D-ro Maruzzi pri Esp. en la servo de la laban organizaĵoj". Du kursoj kun 157 p., gvidataj de S-ino Danica Bedeković kaj D-ro Dusano Maruzzi. „Societo de Esp. en Zagreb" laboras por starigi „Jugoslav. Esp. Unuiĝon". En la klubo de „Kroataj Filatelistoj" gvidas kurson sam-ano D-ro D. Maruzzi, partoprenas 15 p. Krom tio li gvidas kurson de metilernantoj kun 25 junuloj. Oni instruas laŭ la „Kursa lernolibro".

## Italio.

***Genova*:** Artikoloj aperis en „Il Piccolo", „Il Lavoro", „Corriere Mercantile", k. t. p. Kursoj por laboristoj de S-roj G. Barni kaj E. Managlia. — ***Potenza*:** Kurso de F. Cesarini, 16 p. — ***Reggio Emilia*:** Kurso de S-ro P. Barbieri sub la aŭspicioj de „Stampa Socialista". Grupo fondiĝis.

## Nederlando.

***Deventer*:** 7 kursoj kun 140 p. (Gratulojn! *La Redakcio*) — ***Wormerveer*:** Nova kurso kun 40 k. — ***Zaandam*:** Nova kurso kun 40 p. — ***Zutphen*:** 2 kursoj; por fervojistoj de S-ro J. de Lang; por instruistoj de S-ro Sterkenburg. — Plie estas kursoj en Rotterdam (92 p.), den Haag (70 p.), den Helder (37 p.), Vlissingen (20 p.), Aalsmeer (29 p.), Leiden (16 p.). La plimulto estas organizataj de la Ned. Laborista Federacio.

## Norvegio.

***Ulven apud Bergen*:** Parolado de S-ro Ĉefleutenanto Bugge-Paulsen antaŭ 200 soldatoj.

## Portugalio.

***Lisboa*:** Fondiĝis grupo de policanoj. Ili oficiale povas surmeti sur la maniko de ilia vesto verdan stelon. Adreso: S-ta Marta 205—1.

## Rumanio.

***Târgul-Mures*** (Marosvásárhely): Tre vigla movado. La liberlernejo de l' soc.-dem. partio enprogramigis ankaŭ Esp. 5 kursoj por entute 100 p., inter kiuj estas aro de geoficistoj, profesoroj, ĵurnalistoj k. a., ankaŭ laboristoj. La kursojn gvidas Andreo Ĉe, Del. de UEA. Lokaj gazetoj: „Marosvölgyi Munkás", „Székelyföld" kaj „Tükör" aperigis favorajn artikolojn. La merito de l' brila sukceso apartenas al sam-ano Jozefo Halász, bankdirektoro, kiu sinofere propagandis. — ***Cluj*** (Kolozsvár): La 20 sept. okazis kunveno de sam anoj. Ĉeestis ankaŭ Idisto, kiu promesis kunlabori por Esp., ĉar tiu ĉi lasta jam solvis la problemon de lingvo internacia, dum Ido malmulte progresante ne donas esperon por venko. La Esp-istaro kunvenas ĉiulunde vespere en kafejo New-York. Tagĵurnalo „Keleti Ujság" favoras. — ***Marosvásárheli*:** Kurso kun 120 p. La gazetaro, komerca ĉambro, laboristoj, oficistoj, ĉiuj partoprenas la movadon. Grava propagando gvidata de pastro Andre Cseh el Nagyszeben komencis en tuta Trasilvanio.

## Svedio.

***Sund*:** Ekspozicio kaj parolado de S-ro E. Andersson. — ***Malmö*:** Okazis ekskurso de la Esp-istoj de Malmö al Kjöbenhavn. Baldaŭ la danaj sam.-anoj venos en Malmö. Imitinda ekzemplo por la grupoj Esp.-istaj: vizito de fremduloj multe helpas la propagandon. Parolado de Sam. E. Andersson pri la XIIa Kongreso. Kurso 10 p. — ***Stockholm*:** Parolado kun lumbildoj pri Praha, farita de S-ro F. Rosengren.

**Svislando.**

***Locarno:*** Malfermiĝis kurso kun 12 p. La Grupo regule kunvenas. Nova Komitato: Prez.: S-ro Gius. Franscella, Muralto; Sekr.: S-ro Stef. Pedrazzini, Locarno. Artikoloj en ĉiutaga gazeto „Messaggero Ticinese". — ***Lyss:*** La 6 novembro okazis agrabla parolado de S-ro Schmid, el Bern, pri „Esperanto kaj ĝia signifo por la mondtrafiko". Kurso de S-ro E. Scheurer, 18 p. — ***La Chaux-de-Fonds, Le Locle, St-Imier, Cernier:*** Tieaj kursoj regule progresas.

**Turkio.**

***Konstantinoplo:*** Fondiĝis sub la gvidado de nia malnova sam-ano D-ro Stamatiadis, Esp. Societo „Bizanco". La m. estas preskaŭ ĉiuj anoj de UEA; tion ni dankas al la senlaca laboro kaj entuziasmo de D-ro Stamatiadis.

**Ukraino.**

***Kievo*** (Kyjiv): S-ro Anatolo Koĥ preparis por eldono Esp. gramatikon en ukraina lingvo kaj ukraina-Esperantan plenan vortaron. — ***Lvovo*** (Polio): Ukraina ĉiutaga gazeto „Hromadsjka Dumka" (Socia Penso) presis tradukaĵojn el „Esperanto", N-ro 237: „Kinematografo kaj industrio", „Utiligo de Niagara akvofalo", „Senfadena transoceana telefono" kaj „Statistiko de Ĉeĥoslovaka Respubliko". Ĉiujn informojn pri Ukrainio kaj ukraina popolo donas volonte eksdeputito de unua Ukrainia Parlamento, S-ro Anatolo Koĥ. Li ankaŭ peras kun Ukraina Registaro (provizore: Warszawa, ul. Chmielna 31. Hotel „Royal", 67. A. Koch).

**Aŭstralio.**

***Sydney (N. S. W.):*** Nova grupo fondiĝis ĉe la hejmo de S-ro Tom Walsh, Ĝenerala Sekretario de „La Marista Unuiĝo Aŭstralia". S-ro Walsh estas la redaktisto de „La Marista Ĵurnalo" kaj intencas doni lokon por propagandi Esp. inter laboristoj. Lia adreso estas: Julian Strats, Welboughly, N. S. W. Lia edzino estas fratino de F-ino Sylvia Pankhurst kaj ankaŭ lernas. The Boyd Komerca Kolegio ankaŭ komencas instrui Esp. en sia kolegio. Nova grupo inter knaboskoltoj ankaŭ komencas lerni ĉe Kogarah (N. S. W.).

**Ameriko.**

***Baltimore:*** Kurso kun 15 p. Fondiĝis pola Esperanta rondeto ĉe la „Komerca Lernejo Adelphia", kies sekretario estas fervora Esp. Pola gazeto „Postep" havas Esp. fakon. — ***Big Bayou*** (Florida): Parolado de S-ino E. Owen-Flint. — ***Winnipeg:*** S-ro Himmelman propagandas; gazetartikolo.

**Afriko.**

***Alger:*** 7 kursoj senpagaj.

## DOKUMENTOJ

*Jen nova oficiala dekreto de alia germana Ŝtato favore al Eperanto. Post Hesso, jen Brunsvigo!*

STAATSMINISTERIUM
Abt. Volksbildung
Nr. V. 2896

Braunschweig, 20 oktobro 1920.

*Al la oficejoj de supera kaj popola edukado!*

Laŭ pli detala klarigo de la ordono de la 14 septembro 1920, la morala edukado devas esti alcelata kun atento al la repacigo de la popoloj. Grava rimedo por tion atingi, estas la instruo de Esperanto. Tiu ĉi facile lernebla helpa mondlingvo povas ebligi senperan interŝanĝon de ideoj inter la popoloj. Ĝi neniam devos kaj povos anstataŭi la organike evoluintajn kulturlingvojn, sed ĝi povas kaj devas fariĝi, flanke de ili, ĝenerala, unuforma helpilo por la skriba kaj parola interkompreniĝo inter ĉiuj popoloj.

Por kuniĝi kun similaj celadoj en aliaj germanaj liberŝtatoj, estas nun ordonata enketo, por certigi, kiuj instruistoj kaj lernantoj jam okupiĝis pri Esperanto, kaj kiaj aranĝoj por ĝia instruo jam estas faritaj, speciale kiaj instruistoj estas kapablaj kaj emaj, instrui la Esperantan lingvon, kaj kiuj lernantoj deziras partopreni sendevigan Esperanto-instruon.

Ni atendas raporton pri ĉi tio ĝis 31 decembro 1920, kiel ankaŭ taŭgajn proponojn, kiamaniere povos esti plej bone starigata la unua sendeviga instruo de Esperanto. Estos provizata financa subteno de l' flanko de la ŝtato por pago de la instruistoj kaj de la lerniloj. (sig.) *Sievers.*

## TRA LA FAKOJ

### Esperanto por Blinduloj

„Esperanta Ligilo", la universala gazeto redaktata kaj eldonata tute en Esperanto kaj en Braille — la reliefa skribaĵo por blinduloj — de Harald Thilander (Majorsgatan 12, Stockholm) estis fondita en 1905 de Profesoro Th. Cart. Ĝis po ĉirkaŭ 600 ekzempleroj ĉiumonate penetras en multajn landojn, ĉien portante ĝojon kaj kuraĝigon al siaj multnombraj blindaj legantoj.

Ĉar eĉ kleraj blinduloj estas ordinare malriĉaj, la produkto de ĉiu ekzemplero kostas multe pli ol ĝia prezo. Ĝi do estas subtenata de grandega ĉiujara donaco de la „National Institute for the Blind" (Anglio) kun ŝatinda helpo de la „Norges Blindeforbung" (Norvegio), de sveda amikino kaj de aliaj privataj donacoj. Tamen oni petas pluan helpon, precipe el aliaj sufiĉe riĉaj landoj.

La legantaro estas kunigata de kunlaborantaj „konsuloj" por blindaj. Unu blindulo el la nacio afable entreprenas la ricevon de kotizoj kaj donacoj, la disdonon de konsiloj al novaj lernantoj kaj sciigojn al amikoj de la blinduloj. Por pluaj detaloj oni povas sin turni al sia samnaciano el la sekvanta nomaro:

*Aŭstralio* (Victoria): F-ino Tilly Aston, Raleigh Street, Melbourne, Victoria.
*Aŭstrio:* I. Krieger, Wien VII, Zieglergasse 25.
*Belgio:* Frato Ludoviko, Institution Royale des Aveugles, Woluwe.
*Brazilio:* F. A. de Almeida, Jr., Instituto Benjamin Constant, Rio de Janeiro.
*Britio:* W. P. Merrick, Woodleigh, Shepperton.
*Bulgario:* St. Orozoff, Alexandrawska Bolnika, Sofio.
*Ĉeĥoslovakio.* Direktoro K. Em. Macan, Praha III, Klarov 131.
*Danio:* P. Ommerbo, Oester Farimagsgade 71a, Kopenhago.
*Finnlando:* Robert Bergh, Gengaten 3, Helsingfors.
*Germanio:* Ges-oj Zapater, Moltkestrasse 101, Köln.
*Hungario:* Dr. Miklos Bano, Budapest II, Margit-Rakpart 42.
*Hispanio:* J. Bellfort, Pral 2, Provenza 209, Barcelona.
*Italio:* Inĝeniero R. Tankredi, Via Pretoria 320, Potenza.
*Japanio:* T. Kumagae, 72 Ichioka, Osaka, kaj T. Torii, Migoĉi-Mura, Joza-Gun, Tango, Kyoto-Fu.
*Norvegio:* Redaktoro E. Imsdahl, V. Torvgate 1, Bergen.
*Svedio:* Redaktoro H. Thilander, Majorsgatan 12, Stockholm.
*Svisio:* F-inoj H. Gal kaj R. Vogt, Asile Recordon, Lausanne.
*Usono:* E. Middleton, Greenfield, Illinois.

## DIVERSAĴOJ

.·. **Esperanto en la lernejoj de Breslau.** — En la grandurbo Breslau (ĝi estas la ĉefurbo de Silezio kaj havas pli ol 527,000 loĝantojn kaj 200 lernejojn) la lerneja konsilaro decidis la 3 novembro

la enkondukon de la libervola Esperanto-instruado en ĉiuj lernejoj. Instruisto Seb Braschke, Breslau 1, Garvestrasse 13, Germanio, al kiu estis transdonata la gvido de la afero, petas la samideanojn en ĉiuj landoj, ke ili bonvolu apogi la movadon kaj bonvolu sendi poŝtkartojn ilustritajn, sigelmarkojn k. t. p. por vigligo de la instruado kaj por stimulo por la infanoj.

∴ **Instruistoj kaj Esperanto.** — La kongreso de la Instruista Sindikataro, okazinta en Bordeaux, dum aŭgusto 1920, elektis Esperanton kiel internacia lingvo; la kreo de infana jurnalo en Esperanto estis ekzamenata, sed ne ankoraŭ alprenata. Artikoloj pri Esp. estos enpresataj en „l'Ecole Emancipée", pedagogia jurnalo de la Instruista Sindikataro.

∴ **Esperanto en la komerco.** — Ni ricevis bele presitan prezaron de la firmo Tehdas-Osakeyhtiö Seres en Turku, Finnlando (botpoluroj, inkoj, bonbonoj, vinagro, k. t. p.).

∴ **T. C. F. (Turing-Klubo de Franclando).** — Kelkaj anoj de la T. C. F., inter kiuj S-roj D-ro Briand, Descubes, Gabriel, Glandaz, kolonelo Renard, anoj de ĝia administra konsilantaro, Henri Farman, R. Esnault-Pelterie, anoj de la komitato de aera turismo, Archdeacon, Daniel Berthelot, D-ro Broca, Daniel Eyquem, Th. Cart, L. Poncet, Rollet de l'Isle, generalo Sébert, k. a., decidis fondi en tiu gravega Asocio Esperantistan Grupon de Turismo, kiu celos per Esperanto plifaciligi la fremdan turismon en Franclando. La Esperantistaj T. C. F.-anoj, kiuj deziras aliĝi al tiu Grupo, estas petataj sin komuniki kiel eble plej frue al S-ro Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris 5, montrante la numeron de sia T. C. F.-a membrokarto.

∴ **Esperanto en la Komerco.** — La brita registaro per ĝia „Board of Trade" (Fako por Komerco) publikigas ĉiusemajnan gazeton, kiu enhavas informojn pri la kondiĉoj de diversaj industrioj en multaj landoj, pri la tarifŝanĝoj — la sumoj de importo kaj eksporto k. t. p. Sub la rubriko „Oportunoj por transmara komerco" oni enmetas petojn, kiujn oni ricevas de aliaj landoj pri vendoj aŭ aĉetoj, kaj ofte okazas, ke la anonco estas akompanata de la vortoj „korespondas france, hispane k. t. p." La seriozaj Esperantistaj firmoj povas sendi siajn anoncojn angle redaktitajn kun detaloj de iliaj bezonoj aŭ proponoj al „Department of Overseas Trade" (Development and Intelligence) 35, Old Queen's St., London S. C. I. aldonante, ke oni korespondas Esperante. S-ro J. H. Fitton, Meadow House, Shepley nr. Huddersfield, kiu faras la supran proponon, volonte tradukos la anoncojn en anglan lingvon se li ricevos la detalojn.

∴ **Esperanto kaj Teozofio.** — La Teozofia-Esperanta-Ligo jus estis restarigita.

Tiu ligo fondita antaŭ la milito, havis multajn membrojn en ĉiuj landoj, kaj posedis periodan gazeton kun konsiderinda abonantaro. La teozofia movado fariĝas ĉiutage pli kaj pli grava, kaj ĉiuj teozofiistoj opinias, ke la lingvo Esperanto estos mirinda „ilo" por atingi la noblajn celojn de la Teozofia Societo.

Ju pli ni estos multaj, des pli nia agado estos efika.

Ĉiuj malnovaj membroj kaj ĉiuj Esperantistoj kaj Teozofiistoj interesiĝantaj je tia movado, sendu aliĝon kaj siu turnu al S. Frantz, 21, rue Alain Chartier, Paris XV.

**Esperanto kaj Turismo.** — S-ro Vilho Setälä informis nin, ke la Esp. Asocio de Finnlando ricevis la permeson de la Fervoja kaj Poŝta administracioj elmeti en ĉiu stacidomo kaj poŝtoficejo afiŝon kun la adresoj de la delegitoj de UEA. Jen grava fakto, kiu montras la tujan praktikan uzeblecon de nia lingvo dum vojaĝo eksterlande. — Ni gratulas la finnlandajn samideanojn pri tiu grava kaj fruktodona sukceso.

∴ **Turismo.** — La ŝtata fremduloficejo en Budapest volas eldoni gvidlibron Esperantan, se estas sufiĉaj interesemuloj. Ni petas ĉiujn legantojn, peti per poŝtkarto Esp. gvidlibron de Bud. est de la „Fremduloficejo", Budapest IV. Harisbazar 1, Idegenforg (Hungario).

# TRA LA GAZETARO

## Esperanto kaj komerco

∴ El *„Esperanta Finnlando"* (novembro) ni eltranĉas jenan konstaton pri la efiko de nia lingvo kiel propagandilo por komercaj foiroj:

„La ĉefkomisaro de la Finnlanda Foiro, S-ro Lauri Kuoppamäki, diris al ni en privata interparolo, ke la reklamo farita per Esperanto por la foiro videble estis multe pli sukcesplena, ol la reklamo, kiun faris la eksterlanda ministerio. Certe la foiro faris en kelkaj landoj personan propagandon, sed en la landoj, kiujn la ĉefkomisaro ne havis okazon viziti, efektive estas farita preskaŭ nenia propagando krom la esperanta. Li estis tre kontenta je la helpo ricevita per la samideanoj."

La sama N-ro enhavas muzikaĵon kaj artikolon kun 14 portretoj pri la finnaj komponistoj. Ĝi enhavas ankaŭ trafan kritikon pri trograndigemaj esperantaj propagandistoj.

## Ni estu elektemaj

∴ En *„La Holanda Pioniro"* S-ro Dreves Uitterdijk admonas la tradukistojn esperantigi nur verkojn indajn je tiu laboro:

„Nia helpa lingvo funkcias sub feliĉaj cirkonstancoj. El ĉiuj lingvoj ĝi povas ĉerpi por disvastigi ĝian elektaĵon tra la tuta civilizita mondo. Ĝia kampo do estas preskaŭ senlima kaj la tasko de la laborantoj serĉantaj florojn ĉiuloke por ilin prezenti, esperante vestitajn, al la tuta homaro, estas granda. Se oni ĉiam elektus zorge el sia literaturo tion, kio estas duoble inda je traduko, Esperanto donus la kremon de tutmonda legaĵo kaj fortege allogus legantojn. La tasko de recensisto devus esti frandaĵo kaj tute ne tasko. Se ĉiuj tradukantoj observus ĉi tiun honoran devon, la vorto „beleta" nepre estus nekonata en bibliografio. Kritiko estas facila, jes, sed severa elekto ankaŭ. Jen modesta rimarko ĝenerala."

## Pri la Metra Sistemo

∴ El *„Kalifornia Folieto"*: La 17 majo, okazis ĉe la Palace Hotel en S. Francisko, kunveno de la Mondkomerca klubo, celante enirigi en Usonon kaj grandan Brition la uzadon de la metra sistemo de peziloj, mezuriloj kaj mono. Tial ke Esperanto estas ankaŭ mondmovado por la homaro, estas nature kaj taŭge, ke esperantistoj interesiĝus en tiu afero, kaj ĉeestus la kunvenon, kaj efektive pli ol dudek ĉeestis. La metra sistemo estas preta por ni, elpruvita la plej simpla kaj plej utila. Esperanto ankaŭ estas preta por ĉiuj, elpruvita la plej simpla kaj plej utila helplingvo. La metra sistemo, kiel diris S-ro John J. Arnold, prezidanto de la kunveno, estas komuna komerca lingvo. Sed sola, ĝi estas nur malgranda parto de komuna komerca lingvo, nur Esperanto povas ĝin kompletigi. La Kalifornia Esperantista Rondaro antaŭ kelkaj monatoj aprobis resolucion la enkondukon de la metra sistemo, kaj ni petegas ĉiujn samideanojn kaj grupojn antaŭenirigi tiun movadon.

## Esperantista revenĝo

Ni rekomendas al multaj la pripensadon de ĉi tiu artikoleto de *„L'Esperanto"* S. Vito al Tagliamento:

„De tempo al tempo, en anguleto, precipe la sprita anguleto de ia „grava" sendube ĉiutaga, „serioza" gazeto aperas ia sensencaĵo pri Esperanto, kaj la facilanimaj samideanoj ofendiĝas pro konstato, ke la gazetistoj — tutnature „gravaj" kaj „seriozaj" gazetistoj — pritraktas, eĉ malkonvene, nian movadon, montrante, kiel preskaŭ ĉiam okazas, ke ĝin ili ne konas.

Sekve de tiu ĉi ofendiĝo, tute sincera, cetere, kaj prava, post duonkoleriĝo, la indignita verdstelano sin ĵetas al skribotablo por verki respondan artikolon por la defendo de la lingvo, pri ĝia disvastiĝo, k. t. p.

*Laciga kaj perdita laboro, karaj amikoj!*

Ĉiutaga, grava serioza gazeto estas unutagon vivanta muŝo. En la morgaŭo neniu plu memoras tion, kio estis skribite antaŭe kontraŭ nia lingvo, eĉ la verkinto mem de la malsprita „spritaĵo".

Mi garantias la precizecon de ĉi tiu aserto. Kion fari en tiuj okazoj? Ĉu legi kaj silenti sen indigno?

La fidela bona Esperantisto tiaokaze haltigas sian polemikemon kaj verkas bonan poresperantan artikolon, kaj klopodas, senpere aŭ pere de grupo, por ĝia publikigo en alia gazeto (se kelkaj tagoj pasis, eĉ en tiu sama sprita anguleto) precipe en folio multe legata de la popolaj klasoj.

Se li sukcesis, kiel certe okazos, enmeti en ĝin ion allogan, ion interesan, la artikolo estas volonte akceptota, interese legata, kaj se ĝi montris la adreson de Esperantista grupo aŭ gazeto, kelkaj novaj adeptoj alvenos."

.·. „*Hispana Esperantisto*" (oktobro) enhavas detalan studon tre legindan de S-ro Victor O. de Allende pri la reformemo, kiun oni lastatempe nomis en nia gazetaro ...: „Saussurismo"!

.·. „*Esperanto-Praktiko*" anoncas, ke de la 15 oktobro la poŝtrilatoj rekomencis inter Germanio kaj Rusio. Ĝis nun ni ne ankoraŭ ricevis pruvojn pri tiu restarigo de rilatoj jam de kelkaj jaroj tute interrompitaj.

.·. „*La Progreso*" malfermas enketon pri la metodoj uzitaj por protekti la luantojn kontraŭ la plikarigo aŭ forigo el la apartementoj. Tiu temo estas nun grava preskaŭ ĉie pro la amasiĝo de loĝantoj en iuj urboj kaj la konsekvenca manko de domoj. Oni skribu al Spolek nájemníků, Kr. Vinohrady, Bohemio, Korunni tř. 71.

.·. „*British Esperantist*" donas liston de adresoj kie la presistoj povas aĉeti tipojn por preso de nia lingvo.

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: „*Esperanto Triumfonta*" (aperas ĉiusemajne), „*Amerika Esperantisto*", „*Nova Tempo*", „*Nia Folieto*", „*Esperantista Laboristo*", *Germana Esperantisto*", *Aplech-Bulteno*", „*Hungara Esperantisto*", „*Itala Esperantisto*", „*Svisa Espero*", „*La Espero*".

.·. Aperis artikoloj pri Esperanto aŭ UEA en „*Journal de Rouen*", „*Journal du Havre*", „*L'Action Républicaine*" (Nemours) kaj multaj japanaj gazetoj.

---

# TRA LA LIBRARO

**Eparĥia muziko por vulgara kantado,** redaktita de *Royle Shore*. 8 paĝoj, 13×21 cm. Prezo: 3½ p. afr.

Tiu kajero aldonita al la supre anoncita estas ankaŭ eldonaĵo de la Eklezia Esperantista Ligo. Ĝi enhavas la litografiitan muzikon unuvoĉan por la kantoj de partoprenantoj en Diservo kun Sankta Komunio. — *G. S.*

**Vivo de Zamenhof.** *Edmond Privat.* Libraro Bolingbroke-Mudie, Volumo 1. Brita Esperanto-Asocio, 17, Hart Street, London, W. C. 1. 208 paĝoj, 14×19 cm. Prezo: 3 ŝilingoj.

La legantoj de „Esperanto" jam scias, ke D-ro Edm. Privat verkis biografion Zamenhofan. Ili jam ŝatis ĝian finan ĉapitron aperintan en numero marta. Tiu eltiraĵo pruvis, kaj tiu pruvo estis ja ne necesa, kiom valora estas la nova verko de nia talenta samideano.

Biografio de nobla viro, de altanimulo, kiu pliriĉigis la homaron per la frukto de sia laboro, kies vivo estas per si mem leciono pri pacienco, pri persistemo, pri oferemo, estis ĉiam legaĵo plej interesa, plej edifa, plej ekzemplodona. Eĉ se Zamenhof ne estus al ni karmemora, kiel iniciinto de grava homa progreso, priskribo de lia vivo, plene oferita al forigo de l' malamo inter la kunsuferantaj homoj, restus leginda.

La „Vivo de Zamenhof" estas montrata kiel unua volumo de „Libraro Bolingbroke-Mudie". Britaj Esperantistoj per donacoj ebligis tiun eldonadon. Tiel ni ricevos serion da belaspektaj, bonstilaj verkoj. Tiu maniero, honori la memoron de tro frue mortinta pioniro, per libra kolekto, kiel per premiaro aŭ per simila kreaĵo, anstataŭ starigi luksan ŝtonan monumenton, estas ĉiel laŭdinda; atentinda ĝi estos kiam tempo venos por ankaŭ solene estigi memoraĵon al Zamenhof.

En dekdu ĉapitroj riĉaj je precizaj faktoj kaj je originalaj ideoj, en stilo lerta, trafa, oftloke emocia, D-ro Privat revivigas antaŭ ni ne nur la portreton, sed la animon mem de nia majstro; ne mirinde; ame farita laboro akiras sukceson kaj elvekas simpatian ŝaton. Pli bone ol asertoj, kelkaj citaĵoj montru la kvalitojn de verko. Jen esprimo pri la sentoj de l' feliĉaj partoprenintoj en la unua kongreso:

„Ho, kara naiveco de l' Bulonja tempo!

„Naskiĝo nova de l' homaro kun odoro de lulilo. Amikaro simpla kaj sincera. Manpremoj. Kompreniĝo reciproka. Paroloj de modesta viro. Grandeco vera de l' genio, vivanta per ligilo sur niaj lipoj. Spirito potenca de l' animo pura. Kortremo de l' homiĝo komuna. Ho, tremo de Bulonjo, sekvu min ĝis tombo!..."

Jen juĝo pri la poezioj de ni ĉiuj konataj:

„Al ekstera leganto, iu ajn el tiu poemaro ŝajnos kredeble tro simpla, eĉ naiva. Same ankaŭ aperas ĉiuj restaĵoj el komenca literaturo en komuna lingvo de nacio naskiĝanta. Sed kiu komprenas la fortan senton de la homoj, kiuj amis kaj rekantis ilin, al tiu jam aperas ili sub interna lumo kiel tre valora trezoraĵo. Centjarojn poste, dikaj libroj publikiĝas por ilin laŭdi. Naiveco fariĝis ĉarmo, simpleco, arto la plej granda."

„Tiel estos eble pri versaĵoj Zamenhofaj, ĉar ili esprimis unuafoje, ne nur la fervoron de l' Esperantistoj, sed la senton de l' homaro vekiĝanta al konscio. Plenaj artistoj venos pli malfrue; sed benita jam estu tiu popola bardo, kiu, la unua, per orelo de genio, aŭdis en profunda koro de l' homaro la sopiron al hela lumo de frateco!"

Ie, D-ro Privat rimarkigas, ke Zamenhof kutime faris proze sufiĉe longajn frazojn dum nunaj aŭtoroj preferas mallongajn. Vere tio estas pri li mem.

„Post longa kiso de l' patrino la studento forveturis Moskvon. Urbego vasta. Universitato plenega. Brilas Kremlaj turoj. Sur stratoj neĝo blanka. Kuras glitveturiloj, tintadas sonoriletoj. Rapidas ĉevaloj longharaj. Ĉie vivo gaja, vigla."

Tiel Zamenhof forlasis Varsovion. Tiel ĉi estas ĉe la unua kongreso:

„Benite jam venis vespero. Sur la stratoj ekmallumis. En kongresejon ĉiu nun eniris por la malferma kunsido. Rapidis alkurantoj. El hoteloj. El haveno. El stacidomo rekte kun valizoj en la mano. La teatro de l' urbeto jam pleniĝis. Tro malgranda la ĉambrego. Milo da samideanoj premiĝis tie. De partero al balkono zumadis Esperanto. Preskaŭ neniu vidis jam Zamenhof."

Ne nur tiu ereco estos rimarkata; ankaŭ oni vidos oftan forlason de artikolo, precipe kiam nomon akompanas adjektivo; la tiel ricevata neprecizeco estas tute akceptebla en literatura verko; antaŭ ofta lokigo de l' adjektivo post la nomo permesas variigi la harmonion de l' frazoj:

„Ankaŭ regis inter ili fido senŝancela je rolo sankta de l' Hebreoj, popolo de Dio elektita kaj per sufero preparita al granda tasko nekonata."

„Sur la pordo sinagoga vidiĝas makuleto ruĝa sub skribaĵo nelegebla."

„En urbo memorplena okazis la festo jubilea."

Nebezonataj sufiksoj forestas en „lerno", „rapido", malgracio", k. t. p.

Estu ankaŭ notate, ke 15 ilustraĵoj interesaj, precipe portretoj, ornamas la libron.

Kion diri plu, ĉar estas iel ĝene laŭdadi verkiston en ĵurnalo de li mem gvidata? Ke „Vivo de Zamenhof" estas libro ĉefa, necesaĵo por ĉiu vera Esperantisto. Ĝin aĉetante amase, kaj tuj elĉerpante la eldonon, nia samideanaro montru sian guston al bonaj verkoj, sian fidon al nia movado, sian dankemon al ĝia kreinto.

*G. S.*

**Sonĝo de Someromeza Nokto,** *William Shakespeare.* Tradukis *Louise Briggs.* Eldonis Brita Literatura kaj Debata Societo. Vendas Brita Esperanta Asocio. 17, Hart Street, Londono, W. C. 1. VIII + 70 paĝoj, 12×19 cm. Prezo kartebindita: 2 sh.

La nombro de gravaj klasikaj verkoj tradukitaj en Esperanto ĝojige pligrandiĝas, kaj la Angloj klopodas konservi sian rangon en tiu honora konkurado. El Ŝekspir jam estis esperantigitaj: la admirinda Zamenhofa „Hamleto", „Julio Cezaro" kaj „Makbeto" tradukitaj de Lambert „La Ventego" de Morreau, kaj „Venezia Komercisto" de Wackrill. La nova eldonaĵo estas inda je la antaŭaj. Ne estas facila laboro redoni en Esperanton, kiel en alian ajn lingvon, komedion tricentjaran, tre malsimilan je nunaj, kun strangaĵoj, eĉ nekompreneblaĵoj. Se plie oni volas verse traduki la originalan versaron kaj sekvi ĝin laŭsence kaj laŭritme, la tasko fariĝas timiga, kaj eble nur Esperanto permesas sukcesi en tia vetprovo.

Kompreneble ni ne konsilos al freŝa samideano elekti la „Songon" kiel unuan legaĵon; sed per ĝi la neanglaj esperantistoj ricevos pli precizan, pli fundan impreson el la verko de Ŝekspir ol per iu ajn alia traduko.

La teatraĵo prezentas miksaĵon el tri tute apartaj estaĵaroj. Ĉefaj personoj estas nobeluloj, kun grekaj nomoj, altaj sentoj, distingaj paroloj. Flanka personaro konsistas el preskaŭ needukitaj metiistoj, ridindaj per diroj plenaj je malspritaĵoj aŭ parolerarој. La tria medio estas netera; ĝi estas tiu de l' feoj, feinoj, koboldoj, kiuj trovas sian amuzon en incitoj, mokoj, trompoj, iluziigoj, kiuj aperas kaj malvidebliĝas kaj esprimas sin per delikataj poemetoj. Uzante la magian povon de l' feoj, aŭ la kontraston inter la altranguloj kaj la vulgaruloj, la genia dramisto facile okazigas scenojn surprizajn, ridigajn, ĝojigajn. Nuntempa aŭdantaro nevolonte akceptus tiajn neeblaĵojn aŭ sensencaĵojn de moderna aŭtoro. Sed lokitaj en sia tempo, la lerteco, viveco, fantazio, mokemo, kaj ankaŭ la komedia arto kaj poeteco de Ŝekspir ĉiam mirigas.

La traduko estas rimarkinda; pro la formo trudita de l' fidela alfaro al la originalo, inversioj, vortmankoj, ia streĉiĝo de l' frazoj estis necesaj kaj postulas atentan legadon; ĝin rekompencas la vera plezuro ĝui fremdan ĉefverkon kaj sperti la multflankan fleksebleсon de nia lingvo.

La ĉefaj interparoloj estas dekunusilabaj versoj. Jen, ekzemple, Hermio akceptanta de l' amanto rendevuon:

„Lisandro mia bona!
Al vi mi juras, per pafark' Kupida,
per lia sago kun la ora pinto,
per naiveco de l' Venuskolomboj,
per tio kunliganta la animojn,
per fajro, kiu brulmortigis Didon
dum malfidela la Trojan' forŝipis,
per ĉiuj juroj, kiujn viroj rompis,
pli multaj ol virinoj iam faris,
en tiu lok' de vi jam difinita
morgaŭe vere mi renkontos vin."

La diroj de l' feoj estas pli malpezaj:

„Trans la valon, trans montaron,
tra arbeto, tra d rnaj',
trans la parkan palisaron,
tra torento, tra brulaj',
mi vagas ĉien super tero,
rapide pli ol luna sfero;
mi servas al reĝin' de feoj,
verŝante roson al dancejoj.
Primoloj ŝiaj korteguloj
en oraj vestoj kun makuloj,
la kiuj ferubenoj estas,
en ili bonodoro restas.
Mi devas serĉi tie ĉi rosgutojn
pendigi ilin perle de primoloj."

La lingvo estas vorte kaj gramatike, laŭfundamente korekta; preseraroj aŭ aliaj difektoj malestas; nur la vorto „feroca" estas novaĵo: ĉu „sovaĝa", „kruelega", „sangavida", aŭ metafore „kolera", „fortega", ne sufiĉus? — *G. S.*

**Kristo kaj la Ligo de Nacioj.** Benedikto XVa pri la kristana pacprogramo. Paŭlus-eldonejo de la Blanka Kruco. Broŝuro, 16 paĝoj, 12 × 16½ cm. Prezo ne montrita.

Tri partojn enhavas la broŝuro: 1e Leteron de la Papo al la katolika pastraro datumita de Pentekosto 1920 kaj celanta akceli en katolikaj rondoj la pacideon. 2e Alvokon al individuoj, katolikaj kaj porpacaj societoj aliĝi al unuiĝo nomata „Mondpacligo Kruco Blanka". 3e Statu'ojn de tiu unuiĝo. La celo de l' letero de l' unuiĝo kaj de l' eldonintoj estas laŭdinda, la stilo de la broŝuro malpli. Ĝi enhavas multajn preserarojn; la traduko estas kredeble tro laŭvorta; almenaŭ ĝi estas peza (tia estas ankaŭ la nomo de l' unuiĝo) ofte neklara. Vortoj estas uzataj unuj anstataŭ aliaj: „je" por „sen", „per" por „de", „ties" por „kies", „sia" por „lia" aŭ „ilia", aŭ inverse. En tia temo la vorto „ĉiela", adjektivo de „ĉiel", naskas strangan dusencaĵon. „Reverinda" (respektinda), „aldukita" (lokita), „durante" (dum), „parablo" (alegorio), „imensa" (grandega), „aglomerato" (aglomero), „pontifikato" (pontifikeco), „Sankta Seĝo" (Papejo, Paprego) estas aŭ malĝustaj, aŭ nenecesaj formoj. — *G. S.*

**Karaktero** laŭ *Mr. J. M. van Stiprian Luiscius*, advokato en Hago. 6a plivastigita kaj plibonigita eldono, tradukita laŭ la 13a eldono de l' Nederlanda originalo. Akcia Societo: „Centra Esperanto-Librejo", 32 paĝoj, 13 × 18½ cm. Prezo: Fl. 0,30.

Kio estas karaktero, kiel oni ĝin formas, el kio ĝi konsistas, jen la morala instruo de tiu libreto. Ĝi estas longa, laika prediko; ĝi estas arego da bonaj konsiloj. Faru tion ĉi, ne faru tion; estu tiel ĉi, ne estu tiel. Ĉu la moraliga efiko atingebla per tiom da ordonoj, da rekomendoj estas granda? Tio kredeble varias laŭ la spiritstato de la instruato. La intenco de la aŭtoro estas bonega; tamen preskaŭ tedeta fariĝas lia longa unutona admonado al ĉiuj eblaj virtoj.

Pri la traduko mem, ĝi estas perfekta; ne nur la verko enhavas multajn proverbojn, sed ĝiaj mallongaj trafaj frazoj entute enhavas proverbecan kvaliton; klaraj, precizaj, malgraŭ la abstrakta temo traktata; la stilo ne timas ripetojn, eĉ ricevas el ili firmecon, impresemon. Konvinkiĝu per kelkaj citaĵetoj facile multobligeblaj.

„Karaktero pli valoras ol mono. Iom da mono estas necesa kaj ofte malfacile akirebla, sed multe da mono estas danĝera. Multe da mono povas esti malbeno aŭ beno, laŭ tio kio estas la karaktero. Per mono oni povas multon aĉeti, sed ne la plej multekostajn aferojn. Sen mono oni povas esti riĉa. Per karaktero oni povas fari pli da bono ol per mono."

„Sed kie estas la volo, tie estas la vojo; kaj malfacilaĵoj ekzistas por esti venkataj; ju pli granda la batalo, des pli bela la venko."

„La avarulo ne posedas la monon, sed la mono posedas la avarulon. Avareco des pli graviĝas, ju pli oni maljuniĝas. Avareco ne estas ŝparemo, ĉar ŝparemo ne envias al si la necesaĵojn. Bonvolaj homoj ankaŭ kun sia mono estas bonvolaj."

Do, laŭ lingvo kiom laŭ ideoj „Karaktero" meritas diskonigon kaj legon. Se „nia karaktero estas kruda diamanto, el kiu, per zorga facetigado, brilanta juvelo povas esti farata", ni ĉiuj profitu tiun akrigilon kaj per ĝi poluru almenaŭ unu el niaj ĝis nun malbrilaj flankoj.

La vortkolekto estas tiel fundamenta, kiel la gramatiko. Krom uzo de prefikso „mis" rimarkitaj estis nur: „superiora" (ŝajnas, ke supera sufiĉas) kaj „vakanco"; por tiu lasta (libera tempo daŭra) la vorto „ferio" estis ofte uzata; unu el ambaŭ fariĝu oficiala. — *G. S.*

*NB.* Ĵus aperis nova preso de „Karaktero". Laŭ peto de la aŭtoro, al ĉiu ne-Nederlanda kongresano ekzemplero estas sendita, ĉar la ekzempleroj tro malfruis por esti disdonataj dum la kongreso.

Oni rajtas traduki en kiu ajn lingvo; sed antaŭe oni interkonsiliĝu kun la aŭtoro Mr. J. M. van Stipriaan Luïscius, Piet Heinstraat 21, Hago, pri eventualaj ŝanĝetoj alportotaj. La aŭtoro konstatis, ke el Esperanto „Karaktero" estas jam tradukita en kelkaj lingvoj, sed nur la finnan tradukon li posedas, dum la tradukintoj forgesis sendi al li la aliajn tradukojn. Ili ankoraŭ alsendu al li la naciajn tradukojn en 2 ekzempleroj, kio ja estas morala devo kaj minimumo de politeco al la aŭtoro. *J. L. Bruijn.*



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas le samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio:** *50 Kr.* **Baltaj Ŝtatoj:** *16 Germ. Mk.* **Belgio:** *8 Fr.* **Britio:** *4 Sh.* **Bulgario:** *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio:** *18 Kr.* **Danio:** *5 Kr.* **Finnlando:** *18 Mk.* **Francio:** *8 Fr.* **Germanio:** *16 Mk.* **Hispanio:** *5 Pes.* **Hungario:** *50 Kr.* **Jugoslavio:** *25 Kr.* **Italio:** *10 L.* **Nederlando:** *2.50 Guld.* **Norvegio:** *5 Kr.* **Pollo:** *50 P. Mk.* **Rumanio:** *20 Lej.* **Svedio:** *4 Kr.* **Usono:** *1 Dol.*

Membro-Abonanto, *ricevanta la gazeton: 12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.)*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 5.)*

Membro Dumviva *(kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj): 300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.)*

Entrepreno de UEA *(komercaj firmoj, societoj k. t. p.): 12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la jarlibro*

**Centra Oficejo:** *12. Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio). — **Bankkonto:** Société de Banque Suisse, Genève. — **Poŝtĉeko:** I 2310.*

**Voĉdonado de la Delegitoj.** — La voĉdonado de la Delegitoj donis ĝis la 20-a de novembro jenan rezulton: ricevitaj voĉdoniloj: 361 el 779 entute, kiujn la Centra Oficejo sendis al 630 personoj. Statuto: 355 jes, 2 ne; 3 ne valoraj. Komitato: 341 ĝis 361 voĉoj por ĉiu el la oficialaj kandidatoj kaj maksimumo de 7 voĉoj por la plej preferata ne oficiala kandidato. La volo de la voĉdonintoj estas jam klare esprimita, kaj post la alveno de la voĉdoniloj el landoj ekstereŭropaj aŭ kun malfacilaj poŝtaj rilatoj ni certe ankaŭ povos konstati, ke partoprenis la necesa duono de la voĉrajtigitaj personoj. Pliaj detaloj aperos en la proksima numero.

**Aliĝoj en la baltaj landoj.** — Pro la malfacileco fiksi naciajn kurzojn por Estonio, Letonio, Litovio ni komisiis nian Del en Kovno, S-ron P. Medem, Smeliu g-ve 18, akcepti aliĝojn el la nomitaj landoj. Ne dezirante perdi tro da mono kaj tamen helpante al niaj membroj, ni akceptas la pagon laŭ la tarifo por Germanio, t. e. M: 16 Mk., MA: 40 Mk.; pri detaloj oni bonvolu sin turni al S-ro Medem.

**Adresskribado.** — Ricevinte rimarkojn pri la maniero, kiel ni skribas la adresojn sur niaj korespondaĵoj ni informas, ke por faciligi la laboron al la poŝto ni uzas por la nomo de la lokoj la nacian (enlandan) nomon kaj ne esperantigitan! Ni skribas nek Parizo nek Karoloreĝo! (Charleroi!) La nomojn de la landoj ni skribas france, aŭ se la diferenco ne estas granda, en la koncerna nacia lingvo.

**Petante informon de Delegito,** oni bonvolu ne forgesi, ke membro, kiu ne aldonas respondkuponon aŭ la necesan sumon por respondo, perdas ĉiun rajton al plendo. Cetere estas simpla postulo de takto, ke oni ne kaŭzas personajn elspezojn al servema Delegito.

**Delegitoj en Nederlando.** — En jenaj lokoj starigo de Delegito estas dezirinda; samideanoj konantaj iun ajn en tiuj regionoj estas petataj, komuniki la adreson al la Centra Oficejo de UEA:

*Alkmaar, Almels, Assen, Domburg, Dordrecht, Gorinchem, Geldermalsen, Hilversum, Kampen, Leeuwarden, Maastricht, Middelburg, Vlissingen, Zandvoort,*

**Novaj Delegitoj.** — Ni prokrastis tiun rubrikon ĝis la proksima N-ro por gajni tempon kaj ebligi la sendon de tiu N-ro antaŭ Kristnasko.

**Atentigo.** — Nia ĝenerala Sekretario H. Jakob estas grave malsana jam de kelka tempo. Sekve oni bonvolu senkulpigi kelkajn mankojn en la gazeto kaj la prokraston en nia korespondado.

**Misuzo de la servoj de niaj Delegitoj.** — Oni komunikis al ni lastatempe cirkuleron, kiu estis sendita de nekonatulo en Bern al la Delegitoj de UEA, petante monsubtenon por ne esperantisto rusa loĝanta en Svisio. La Delegitoj estu singardemaj pri tiaj petoj de neesperantistoj, nemembroj, kiuj uzas la konatan esperantistan helpemon kaj fratecon por siaj personaj aŭ por politikaj celoj.

## Franca Esp. Kongreso en Orléans

*27–28 marto 1921*

Niaj samideanoj el tiu historia urbo konsentos akcepti en Orléans, dum la Paskaj festotagoj, la francajn Esperantistojn, kiuj ne ankoraŭ kunvenis de post la milito.

Ili jam ekstarigis allogan programon, kiun ili ankoraŭ plibeligos. Krom naciaj demandoj, oni studos ankaŭ niajn specialajn por UEA. Esperebla venos kelkaj samideanoj el landoj, kies alta valuto ebligas, ke, vojaĝante al Orléans, ili ŝparos, (komparu kun la ĉiutaga vivo el sia lando) anstataŭ elspezi kiel kutime. Jam kvar intencas veni; tiun manieron ŝpari ne forgesu niaj svisaj, britaj, nederlandaj kaj hispanaj samideanoj.

Oni sendu ĉiujn korespondaĵojn pri tio al S ino Magnus Focké, Esperantista-Oficejo, 30, rue Jeanne d'Arc, *Orléans* (Loiret).

## Svisa Esperanta Societo

*(Oficial j informoj)*

Nenio grava. S. E. S. funkcias trankvile. Eĉ tro!

La 1 novembro la sekretario poŝte ekspedis 41 cirkulerojn al grupoj kaj izoluloj de S. E. S., — al Genève, al Bern, al Basel, k. t. p.

La cirkulero prezentis du partojn: Unue ĝi konigis nomon kaj adreson de ĉiuj kvin S. E. S.-Centra Komitatanoj. Poste ĝi komunikis pri „Kroniko, Kotizo, Propagandaj broŝuroj, Enketo pri Ido", k.t.p.

Unu el la ekspeditaj cirkuleroj revenis de Basel kun rimarko „abgereist".

Tri grupoj respondis. Al tiuj, dankon!

Sed kial nenio pli? Ĉu en aliaj lokoj okazas nenio? Supozeble ne. Esperanto nun reviviĝas ja ĉie.

Ĉiuokaze: Se ĉe vi estas nenio, klopodu fari ion. Se vi jam faris, — sciigu ĝin al la sekretario, W. Perrenoud, Cernier.

Ne forgesu ankaŭ sendi vian kotizon al kasisto, S-ro G. Stroele, Pierre qui roule 11, Neuchâtel.

Samideane,

*La Centra Komitato.*

**La UEA-anoj pagintaj sian kotizajon ĝis la *31 januaro* rajtas je senpaga anonceto en la Interrilata adresaro de la Jarlibro 1921. Skribu la tekstojn legeble sur *apartaj* folioj sendotaj *samtempe* kun la pago.**

# Esperantista Literatura Asocio

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

*Decembra raporto*

En nia Novembra raporto ni konstatis la interesan fakton, ke „Poezio“ ankaŭ en Esperantujo estas la unua esprimo de la popola pensmaniero, spegulante ĝian karakteron kaj senton.

La prozaj originaloj, kiuj sekvis, registritaj en la katalogo de Davidov, estas tre multspecaj, ili prezentas la universalan, tutmondan karakteron de nia lingvo, ne mankas eĉ unu fako en la literaturaj rubrikoj. Pro manko da loko ni citu nur kvin bonajn verkojn:

„Malgrandaj pensoj pri grandaj demandoj“ de A. Dombrovski. „Karlo“ de Edmond Privat. „En Rusujo per Esperanto“ de A. Rivier. „La Bulgara Lando kaj Popolo“ de Ivan H. Krestanof kaj „Travivaĵoj“ de Ro Ŝo (Richard Sharpe). Ĉiuj kvin verkoj estas tre rekomendindaj.

De l'„Travivaĵoj“ jam la dua eldono estas elĉerpita, espereble baldaŭ la tria aperos.

Nia nelacigebla kolego Sharpe ankaŭ en alia maniero laboris. Same kiel multaj Esperantistoj li tre deziras la aperon de „Lingvaj Respondoj“, unuigitaj en unu broŝuro. Li sindone okupis sin pri la valorega verko kaj laŭ modelo de la fama „Konkordanco de Ekzercaro“ de Wackrill li ellaboris klasigon (konkordancon) laŭ „Lingvaj Respondoj“. Estas tre dezirinde, ke la bonega laboro de Ro Ŝo estu aligota al la estonta eldonaĵo de tiu ĉi verko. Nia alvoko en la Julia raporto trovis aprobon, eldonistoj anoncis sian pretecon je la presado. Ro Ŝo siaflanke faras propagandon senpagan sur poŝtkartoj kaj kovertoj per la vortoj: Nepre posedu „Lingvaj Respondoj“ de Zamenhof.

Ankaŭ la alvoko pri noveldono de l'vortaro de Kabe trovis eĥon, ni povas esperi, ke la utilega verko reaperos.

Pli ol unu kolego rekomendas la presadon de Esperantaj libroj ĝuste nun. Estas du manieroj de ili proponitaj. Aŭ oni sendu manuskriptojn al lando kun relative favoraj kondiĉoj (ekz. al Finnlando) aŭ oni sendu monon el lando kun alta valuto al tia kun malalta. (Ekz. Germanio.) Estus ja bonege, se tiel povus aperi: Trarbach, „La religioj de la homoj“ kaj „Hiavata“, trad. de De Soto. Niaj amerikaj samideanoj ne preterlasu ĉi tiun bonan okazon aperigi ĉi tiun fragmenton laŭ Longfellow.

Helblukolore nun aperis „Sonĝo de Somermeza Nokto“, trad. laŭ Shakespeare de Louise Briggs, anino de E. L. A. Nia Asocio ĉi tiun fojon ne bone funkcis je helpado, sed la verko estas zorgeme eldonita per helpo de kompetentaj anoj de la Brita Literatura kaj Debata Societo, ŝatata parencino de E. L. A. Tre bone estos, se ambaŭ asocioj estonte kune laboros, por ke kontrolo fariĝu internacia.

Aperis de nia membro Ivan H. Krestanof, presita en Leipzig: „Plena vortaro de la lingvo internacia Esperanto“ (kun fundamenta gramatiko) por bulgaroj, aprobita de la Ministerio de Publika Instruado. Lia nuna adreso estas: Pirdop, Bulgario.

Sinjorino Hilma Hall donis al sia traduko la titolon: „Komuniko de Teozofio al Nuntempo.“ La aŭtoro Pekka Elias *Ervast* estas Fondinto-ĉefsekretario de „Teozofia Societo en Finnlando“, kreinto de ĉirkaŭ 40 originalaj verkoj en finna lingvo.

*Marie Hankel*, Nicolaistr. 18 Dresden-A.

## Komencita verko

**Lingvaj Respondoj de D-ro Zamenhof.** — Por ke aliaj samideanoj ne komencu saman aŭ similan laboron ni informas, ke S-ro Walter Lippmann en Leipzig preparas verkon pri la Lingvaj Respondoj de D-ro Zamenhof, kiu aperos post nelonga tempo. La libro enhavos la lingvajn respondojn en konciza formo kun detala komentario.

# Centra Dana Esperantista Ligo

*Oficialaj informoj*

*Reprezentantarkunvenoj* okazis la 4 septembro kaj la 6 novembro. Krom tiuj-ĉi okazis dum oktobro du laborvesperoj pro la elsendo de nia nova propagandilo „La moderna komercisto korespondas en Esperanto.“

Dum la reprezentantarkunvenoj ni diskutis *la manuskripton por tiu propagandbroŝuro*, kiu por la mono de la propagandafondaĵo estas presita en 1500 ekz. De Kopenhago ni elsendis 700 ĝis 800 al la komercministerio, al la plej gravaj firmoj kaj bankoj, al gazetoj, al funkciuloj de kelkaj magazenoj kaj al la subtenintoj de la fondaĵo. Nemalmultaj ekz. estas venditaj, kaj al ĉiu dana klubo, kiu deziras propagandi per la broŝuro, C. D. E. L. sendas 50 pecojn. — Per la elsendo de tiu-ĉi broŝuro ni partoprenis la samtagan propagandon antaŭ la komercistoj kaj bankoj, kiun proponis „Germana Esp.-Asocio.“ Ankaŭ C. D. E. L. decidis partopreni la Januaran samtagan propagandon laŭ propono de G. E. A.

Cetere ni ree traktadis la ĉiam ripetatan proponon *eldoni nian propran gazeton*. C. D. E. L. serĉis sciigojn rilate al la prezkondiĉoj en Aŭstrio, Germanio kaj de diversaj danaj presistoj, sed ankoraŭ ni ne trovis solvon de la problemo; pro tio ni ree esploros la demandon dum venonta kunveno.

Ankaŭ la prezidanto de C. D. E. L. komencis laboron por *havigi al germanaj Esp.-parolantaj infanoj provizorajn hejmojn inter la danaj esperantistoj*, sed ĉar li eksciis, ke bedaŭrinde la vojaĝo al Danlando almenaŭ nuntempe estas neebla por la infanoj, li ĉesis la daŭran laboron tiurilate.

Okaze de nia propono, ke la antaŭa „*Skandinava Propand-Konsilantaro*“ — pro aliĝo de la finnaj samideanoj — ŝanĝu la nomon al „Konsilantaro de la Nordaj Esp.-Asocioj“, „Sveda Esp.-Federacio“ proponis, ke oni daŭre uzu la nomon „Propagand-Konsilantaro“, tamen C. D. E. L. opinias, ke estas oportune uzi la okazon ellasi la vorton „Propagand“, ĉar la laboro de la Konsilantaro ne nur devas esti laboro rilate al propagando. Entute ni danoj opinias, ke dum venonta Skandinava Kongreso oni devos ellabori pli taŭgan bazon por la laboro de tiu-ĉi Konsilantaro ol tiu, kiun verkis la Skandinava Kongreso en Göteborg.

Cetere estas sendita al la „Norvega Esperanto Ligo“ — kiel deziris danaj esperantistoj — *skribaĵo, per kiu C. D. E. L. en la nomo de la danaj esperantistoj bedaŭras, ke niaj norvegaj samideanoj ne antaŭe komunikiĝinte kun la danoj, decidis ne okazigi la 2an Skandinavan Kongreson*, kaj eĉ ne informis nin, kvankam C. D. E. L. sendis demandleteron tiurilate.

Okaze de la granda venko de Esperanto dum „La Universala Kongreso de l'Tutmonda Unuiĝo de Internaciaj Asocioj“ kaj dum la samtempe okazinta „Internacia Universitato“, la reprezentantoj sendis de la danaj esperantistoj *gratulon kaj dankon al S-ro Generalo Sebert*, al kies nelacigebla celscianta laboro ni esperantistoj ŝuldas tiun venkon kaj multan alian progreson.

*Martin Blicher*, prezidanto.
*Astrid Rybo*, sekr.

# Esperantista Parolejo

### Oni laŭdas!

∴ S-ro *Leon Agourtine*, membro de UEA en Paris dankas S-ron August Krause, membro de UEA en Riga, pro informoj pri parencoj kaj pro komercaj informoj donitaj al li por la eksporta akcia societo, kies sekretario li estas.

.·. S-ro *Ettore M. Fasce*, membro el Genova, kore dankas F-inon Martha Rabe, VD. en Berlin, pro afable plenumita servo.

.·. S-ro *F. A. Goodliffe*, Del. en Purley, kore dankas S-ron Artur Ulving, Del. en Göteborg, pro valoraj komercaj servoj, kaj S-ron Kretzschmann, Del. en Berlin, por aĉeto de Esperanta litera cilindro por ŝkribmaŝino, ne aĉetebla en Anglio nuntempe.

.·. Ges-roj *Albert E. Hepton*, el Hull, tutkore dankas F-inon Yvonne Thooris, Del. en Bruges, pro afable donitaj informoj kaj kora akcepto.

.·. S-ro *Ivan H. Krestanov* kore dankas S-rojn Petzold kaj Kötz, Del. en Leipzig pro afabla helpo dum restado. Kun lia edzino li kore dankas S-ron Klinger, Del. en Tetschen, S-rojn Pitlik VD. kaj M. Lukaš en Praha, S-ron Tittl en Plzeň, D-ron D. Maruzzi, S-ron Bertoli kaj Ges-rojn Kastner en Zagreb pro la amika kunhelpo kaj gastigo dum ilia reveno al Bulgario.

.·. S-roj *Kudela* kaj *Hochman*, membroj el Olomouc, kore dankas F-inon Mathilde Jansen en Kristiania pro afabla sendo de nutraĵoj.

.·. S-ro *James A. Meagher*, Del. en Dublin, kore dankas S-ro D-ro Edmund Sós, Del. en Wien, pro tre afabla kunhelpo pri presafero.

.·. S-ro *Jan Mikš*, membro el Praha, kore dankas S-ron Georges Delanoue, Del. en Nemours, pro afabla havigo de ofico al lia amiko S-ro K. Potešil el Praha.

.·. S-ro *J. E. Nicolai*, VD. en Dresden, kore dankas S-ron Epton, Sekretario de UEA por Londono, pro valoraj kaj precizaj informoj pri bankaferoj.

.·. D-ro *Emil Pfeffer* en Wien kore dankas al la Del. en St.-Gallen, S-ron Kürsteiner, pro liaj tre valoraj servoj, plenumitaj kun vera komplezemo.

.·. S-ro *Batista Riva*, membro el Basel, afable dankas la VD. en Wien, S-ron Steinhauer, pro grava servo rapide plenumita.

## Oni petas!

.·. *Al ĉiuj!* — La Orienta foiro en Budapest (V., Szemere u. 6. Keleti Vásár) Esperantlingve respondas al informdemandoj pri la foiro! Dum la foiro estos ekspozicio esperanta. Sendu esperantaĵojn ĉiaspecajn, precipe komercajn al Hungara Esperanto Servo, p. Balkanyi, Budapest VI., Hajós- u 15. II. Grandnombre ricevotaj komercaj reklamoj estos senpage disdonotaj!

.·. *Al ĉiuj.* — Se vin interesas la hungara lando kaj popolo, petu senpagajn diverslingvajn librojn kaj broŝurojn de Territoria Ligo, Budapest. IV. Váczi utca, Tével. Nun aperis: Manifesto al la Esperantistoj.

.·. *Al Fervojistoj!* — Por enkonduki nian lingvon inter la organizaĵoj de la fervojistoj ĉiu poŝtisto, telegrafisto kaj fervojisto estas petata skribi al S-ro K. Deubler, Arcisstr. 48. München (Bavario).

.·. *Atentigo.* — Laŭ fidinda informo S-ro Joel Wilkki en Helsinki, anoncinta en „Esperanto“ sub korespondado sendas al respondantoj propagandilojn pri Ido. Niaj amikoj bonvolu atenti pri tiu talpa laboro kaj laŭokaze agi kontraŭ ĝi.

.·. *Internacia vivo.* — La tutmonda kongreso de la gazetaro estas prokrastita ĝis Pasko 1922 kaj okazos en Sydney. S-ro A. Maurice Hyde, prez. de la Aŭstralia Esp. Asocio, reprezentos diversajn Esperantajn gazetojn. La Esp. gazetoj ne ankoraŭ reprezentitaj povas sin enskribiĝi pere de la Sekr. de A. E. A., Box 731, Elisabeth Street, P. O. Melbourne, Aŭstralio. Ili sendu 2 ekz. de sia eldonaĵo kaj skribu sufiĉe frue.

.·. *La ĉiujara „Svata manĝeto“*, al kiu ĉiuj fraŭloj de la tutmondo estas invitataj okazas denove ĉiujare printempe en Ecaussines (Belgio). Ni priskribis tiun originalan feston en 1914. Oni petu informojn de S-ro Marcel Tricot, 38, r. de l'Eglise, Ecaussines, aldonante respondkuponon.

.·. *Rusio.* — La eldonantoj de Esperantaj gazetoj estas petataj sendi ekzempleron de sia eldonaĵo al F-ino Helmi Drezen, V. Broskumaĝi 7- 2, Tallinn-Reval, Estonio, kiu ilin transsendos al la rusaj samideanoj delonge senigitaj de Esperanta eksterlanda legaĵo.

## Post la Praha Kongreso

La budapestaj Esperantistoj konforme al la invito de la hungaraj delegitoj dum la XIIa kongreso deziras aranĝi post la XIIIa kongreso en Praha, postkongreson en Budapest.

Ni volas aranĝi kelkajn festkunsidojn, landan kongreson, Esp.-tagon kaj prezentadon teatran de artistoj! Por niaj aranĝoj ni devas scii, proksimume kiom da fremduloj vizitos nin. Kiuj do ĉeestos en Praha, bonvolu jam nun sciigi ĝeneralsekretarion *A. Laquer* (Budapest VII, Kiraly u. 57. II) pri ilia ebla vizito. Pri loĝejoj zorgos la fremduloficejo!

## Poŝtmarkoj

Al ĉiuj kolektantoj de poŝtmarkoj! Okazas tre ofte, ke personoj anoncas en „Esperanto“ pri interŝanĝado de poŝtmarkoj, tute ne respondas kaj ne kompensas. Tiu-ĉi malhonesta agado estas jam tre disvastigita. Komprenebla, ke ĉiu serioza samideano-filatelisto devas laŭforte kontraŭbatali kaj malebligi similan agadon.

Mi atentigas ĉiujn, kiuj ricevis de mi poŝtmarkojn lau ilia anonco, ke ili la sendaĵojn tuj kompensu en sama valoro, aŭ mi cedos la aferon al mia advokato. Krom tio mi ĉiam publikigos la adresojn, por averti aliajn samideanojn. Ankaŭ la multnombraj sendantoj de tiel nomataj „cirkulantaj kartoj“ sisteme ne agas honeste, ĉar neniam mi ricevis kompence la promesitan „belan poŝtkarton“ kiel „dankaĵon“, malgraŭ tio, ke mi forsendis jam eble centojn da ricevitaj migrantaj kartoj. De nun mi ĉiun tiaspecan karton ĵetos senescepte en paperkorbon; tial neniu adresu ĝin al mi! Monon oni uzas por pli utilaj kaj saĝaj sportoj.

*Jan Oulehla,*
*Skrivany p. Novy Bydzov*, Ĉeĥoslovakio

(El diversaj plendoj ricevitaj ni konstatas la pravecon de supra averto. — *La Redakcio.*)

## Centra Esperanto-Librejo en Hago (Nederlando)

La fakon: Esperanto-Librejo, mi jam prizorgas dum 11 jaroj. En 1919 mi decidis transformi ĝin en komuna Esperantista entrepreno sub la formo de anonima societo (nominala kapitalo 10,000 guldenoj, dividita en akcioj je nomo po 10 guldenoj). Komisaroj fariĝis 3 konataj Nederlandaj Esperantistoj. Sroj. G. van Heek, H. C. Mees kaj P. J. Vermaas. La profitoj de 1919 permesis dividendon de 6½% al akciuloj, dum laŭstatute la Nederlanda Societo Esperantista ricevis 25% el la neta profitsaldo. En Marto de 1920 fine la laŭleĝa enskribo de la statutoj okazis. Ĉiuj, kiuj interesiĝas en la afero, povas mendi akciojn alsendante po 10,25 guldenoj. Katalogo estas senpage havebla. La Direktoro: *J. L. Bruijn.*

## „E. E. A. S.“

La Provizora Komitato de „Esperanta Eldona Akcia Societo“ devis ĉesi por kelka tempo sian agadon pro politikaj cirkonstancoj en Polio, sed nun kiam la vivo revenas en siajn pacajn relojn, ĝi denove turnas sin al la tutmonda samideanaro por plua helpo en realigo de ĝiaj celoj.

Ankoraŭ kelkcento da nevenditaj akcioj restis. Kiu volas plifortigi nian propagandon kaj havi realan profiton, tiu rapidu aĉeti la restintajn akciojn.

Eldonistoj, kiuj intencas eldonadi esperantaĵojn, bonvolu turni sin al „E. E. A. S.“, kiu je tre malaltaj prezoj liveros al ili menditaĵojn.

Personoj, al kiuj „E. E. A. S.“ sin turnis kun propono fariĝi ĝia reprezentanto, bonvolu tuj respondi.

Reprezentantoj bonvolu tuj sendi la kolektitajn ĝis nun aliĝilojn.

Pri informoj kaj detaloj turnu vin, aldonante respondkuponon laŭ jena adreso: *Ksav. Alfus*, por „E. E. A. S.“ — Kraków, Pedzichow 22, Polio.

*La Provizora Komitato de „E. E. A. S.“.*

# ESPERANTO UZATA

## Universa komerca Muzeo

La Unio de la Internacia Komerco estas akcia franca Societo, kies primitiva kapitalo estis 750,000 frankoj (nuntempe 2 milionoj da frankoj). Ĝi celas ekspluati seninterompan foiron de specimenoj. Tiu ĉi foiro, nomita Universala Komerca Muzeo, sidas: 3, rue Chaillot, Paris-16e (kvartalo Champs-Elysées).

La Universala Komerca Muzeo enhavas: multajn ĉambrojn por elmontrado de specimenoj, restoracion, bankon, transport- kaj doganoficejon. 21 Oficejoj estas je la dispono de enlandaj kaj alilandaj vizitantoj dum ilia restado en Paris. La eniro de la Specimena Foiro estas nur por industriistoj, negocistoj aŭ makleristoj, per aĉetista karto, donata senpage de la Muzeo. Jam nun proksimume 500,000 kartoj aĉetistaj es as donitaj.

Tio permesas taksi la nombron de la vizitantoj de la Foiro dum la unua jaro je kelkaj centoj da miloj. Jam nun, ne kalkulante 200 industriistojn alsacajn, kiuj luprenis ĉambregon, 500 ekspoziciantoj partoprenas. Ĉiu pagas jaran kotizajon da 1000 frankoj, kiu rajtigas lin elmontri siajn produktaĵojn, kaj ilin vendi per teĥnika oficistaro speciala, responda (kaj profit-partoprenanta).

Tiu oficistaro faka laboras tiel por ĉiuj ekspoziciantoj de sia fako, ricevas de ĉiuj makleran profiton. La Muzeo ricevas profitparton de ĉiu fako kaj tiel estas nur peranto inter la ekspoziciantoj kaj tiu faka teĥnika oficistaro. La Muzeo havas korespondantojn provincajn kaj alilandajn, kiuj estas jam pli ol 600.

*Rezultatoj jam ricevitaj:*

750 aliĝintoj (ekspoziciantoj) kaj pro tio la Muzeo bezonas novan domegon apudan.

Agentejo nomata: Agence Mercure, estas oficiale komisiita por varbi novajn partoprenantojn kaj serĉi reklamaron por la gazeto *Mercure*, la Komerca Jarlibro Universa, kaj aliaj presaĵoj. Banka oficejo funkcias en la Muzeo kaj same transporta kaj dogana oficejo, same specialaj fakoj estas starigataj por pakajo, vojaĝoj, turismo.

La unuaj filioj kreitaj estas en Bukarest, en Praha, Belgrad, Milano, Marseille, St-Etienne, Clermond-Ferrand, Vichy. Kelkaj aliaj estas organizataj en aliaj urboj, en Barcelona, Bruxelles, Madrid, New York, Oran, Alger, Tunis, Casablanca, Constantinople.

Por faciligi, ke industriistoj kaj komercistoj francaj utiligu la servojn de la Muzeo kaj pligrandigu siajn rilatojn kun la landoj kiel Ĉinio, Japanio, Rusio, Brazilo, Aŭstralio, kie la lingvo franca ne estas konata, la U. K. M. Universala Komerca Muzeo) kreis ĉe si internacian komercan Esperantistan oficejon por rilati kun ĉiuj landoj, kiuj praktikas la neŭtralan lingvon Esperanton.

Tiu Esperanta Oficejo jam tre utilis por diversaj landoj (Japanio, Ĉekoslovakio, k. t. p.).

## Sukceso de la Ia internacia foiro en Reichenberg kaj Esperanto

En 7 foiraj domoj kaj en granda pormaŝina tendo estis vidigataj la foiraj komercaĵoj. La impona specimenelmeto estis dividata en 20 komercaĵaj branĉoj. La oficiala nombro de la seriozaj aĉetantoj de la Reichenberg'a foiro estis proksimume 35,000, inter ili 50. 0 aĉetantoj el la eksterlando. Grandnombre estis reprezentataj Germanlando, Germanaŭstrio, kiel ankaŭ Anglio, Holando, Hispanio, Rumanio, Hungario. Ankaŭ el Suda Ameriko, Egiptio kaj Turkio oni faris grandajn negocojn. La Esp. servo dum la foira semajno, kiun gvidis S-ro inĝ. Scholze, bone funkciis. Apud la stacidomo estis Esp. informejo en la oficiala foira kontoro. La estraro estas nun konvikita de la uzebleco de Esp. por foiraj celoj kaj uzos ĝin por la reklamo por la sekvontaj foiroj. La estraro intencas aranĝi specialan Esp.-kurson por la oficistoj de la foira kontoro.

Altestime por la Messamt Reichenberg:
*Schulz.*

## Internacia Turista Kunveno

La Kvina Kongreso de la Italaj Esperantistoj, okazinta en *Bologna* la 3—5 oktobro lastepasinta, decidis efektivigi dum septembro 1921 *Internacian Turistan Kunvenon en Italio.*

La F. E. I. prenis sur sin la gravan taskon organizi tiun Kunvenon kaj estas certa, ke la italaj samideanoj senescepte klopodos fervore kaj sindone por helpi, gastigi, gvidi dum ilia restado kaj traveturado la partoprenontajn turistojn, montrante al ili laŭ la lokoj la plej vidindajn kaj famekonajn naturajn, artajn, historiajn karakterizojn de la diversaj urboj kaj regionoj.

Jam de nun ni petas la samideanojn de la tuta mondo represigi antaŭsciigon en la Esperanta gazetaro kaj diskonigi nian projekton per mallonga nacilingve tradukita teksto en la naciaj gazetoj.

Por la organizado kaj por la efektivigo de la Kunveno oni uzos nur la lingvon *Esperanton*: do, la personoj, kiuj deziras viziti en septembro „la belan landon, kie citronarboj floradas", bonvolu tuj eklerni *Esperanton* por interkorespondi kaj, poste, por kunparoli kun siaj gastemaj italaj gesamideanoj.

La F. E. I. penados por havigi specialajn rabatojn de la Italaj *Fervojoj* kaj marveturadservoj.

Nun estas necese kiel eble plej baldaŭ, ke la personoj, kiuj intencas partopreni la *Internacian Turistan Kunvenon* en *Italio* dum septembro 1921, sendu (nepre antaŭ aprilo 1921) du fotografaĵojn, — aldonante: aĝon, profesion kaj precizan adreson por ricevi *tute senpage* membrokarton — al la *Centra Komitato* de F. E. I. (29, Via Spiga, *Milano*).

Ili devas samtempe diri, kiujn urbojn ili deziras viziti: *Torino, Milano, Genova, Trento, Verona, Venezia, Trieste, Padova, Bologna, Firenze, Pisa, Terni, Roma, Napoli, Palermo* havas esperantistajn grupojn, kaj multaj aliaj gravaj urboj baldaŭ havos organizitajn esperantistojn. Laŭ la esprimotaj vojaĝplanoj, la F. E. I. aranĝos precizan programon kaj oportunajn „karavanojn", pri kiuj oni detale informos la enskribitajn personojn dum majo 1921.

Ni atentigas la Esperantistajn societojn, ke estos grava sukceso por nia afero, se tiu unua praktika aplikado de nia kara lingvo por ordinaraj kaj vastaj turismaj servoj estos diskonigata en la tuta mondo: do, ni ree petas, ke ili bonvolu helpi la Italan Esperantistan Federacion en la laboro de propagando kaj de organizado.

*La Centra Komitato.*

## Internacia Ekspozicio de Arkitekturo, de Konstruado kaj de similaj industrioj

*Gent (Belgio), 14 aprilo ĝis 16 junio 1921*

La diversaj sekcioj estas la sekvantaj:

1e Arkitekturo ĝenerale; 2e materialo kaj dokumentado; 3e konstruado kaj aranĝado de la hejmo; 4e malkaraj loĝejoj; 5e higieno de la loĝejo; 6e lumigiloj kaj varmigiloj; 7e elektro en ĉiuj ĝiaj uzaĵoj; 8e ornamaj artoj; 9e luksa kaj malluksa meblaro; 10e komforto de la hejmo; 11e asocio de la unuiĝo de la urboj; 12e plibeligado de la kampara vivo; 13e malgrandaj ilaroj; 14e Broŝuroj, gazetoj, revuoj kaj diversaj eldonaĵoj.

Lia Princa Moŝto Leopold el Belgio bonvolis doni sian altestimatan patronecon al tiu ekspozicio.

Diversaj kongresoj okazos dum la daŭro de la ekspozicio, interalie, kongreso de entreprenistoj.

Estus tre dezirinde, ke entreprenistoj, komprenantaj Esperanton, organizu tian kongreson en Gent dum la ekspozicio.

La Genta Grupo Esperantista estus feliĉa, se alilandaj esperantistaj entreprenistoj esprimus tian deziron, organizi ĉion, kio koncernas la kongreson.

Ili povas sin turni al S-ro H. Petiau, Sekretario de la „Belga Ligo Esperantista", 60, Boulevard St-Liévin en Gent.

La Komitato de la Ekspozicio konsistas, interalie, el la sekvantaj personoj: Ĝenerala Prezidanto: *Albert Maertens*. Prezidanto de la Sindika Ĉambro de la Industrioj Artaj kaj Honora Prezidanto de la „Genta Grupo Esperantista". Sekretario: *Aimé De Vriese*. Ĝenerala Direktoro: *Louis De Vriese*, 15, Coupure, Gent.

# NOVAJ FAKAJ LIGOJ

## M. U. D. I. E

*(Mond-Unuiĝo-de-Instruistoj-Esperantaj)*

Baldaŭ ni revidos unu la alian dum la Praha-Kongreso. Apenaŭ la plej fortaj impresoj de la dekdua mallumiĝis, la proksimiĝanta dektria devas instigi nin, por ke ĝi iĝu ne sole kortuŝanta, preskaŭ paradiza ĉeesto de samideanoj, sed por ke ĝi ankaŭ estu praktika kaj plibonigante la statojn en la diversaj fakoj. — Mi, kiel instruisto, nun pensas pri la progreso de la tutmonda instruado kaj la plibonigo de la ekonomia stato de la tutmonda instruistaro.

El la diversaj raportoj de la kongresoj ekmontriĝas, ke jam *ekzistis* „Tutmonda Instruista Ligo". En la dokumentoj de la deka mi legis pri tio, ke S-ro Aizière, rue de Berlin, Altfortville, estus la organizanto en la faka kunsido de geinstruistoj. Mi *esperas*, ke li legos ĉi tiun artikolon, kaj ke li intencas denove kunlabori. Mi nun kunvokas, ankaŭ per anonco en ĉi tiu gazeto, la geinstruistojn el la tuta mondo por montri intereson en la fondo de tia grava ligo. Montru al mi per poŝtkarto vian simpation, kaj se vi vizitos kiel mi la Prahan Kongreson, bonvolu skribi al mi sur kiaj bazoj vi volas kunlabori por ebligi la fondon. Mi ricevis jam de kelkaj el miaj korespondantoj signojn de simpatio kaj promeson de kunlaborado. Ili volas fondi kiel eble plej multajn naciajn esperantajn unuiĝojn de instruistoj, kaj formi el tiuj grandan internacian federacion de instruistoj. Sed ŝajnas al mi tro longa vojo. Mi proponas, ke ni fondu en Praha dum la dektria senpere mondunuiĝon aŭ federacion en kiu povas membriĝi personoj same kiel unuiĝoj. Se ne jam ekzistas regularo, mi volas volonte projekti provizoran regularon, sendi hektografaĵojn al interesuloj, kiuj volas kunlabori, kaj poste ŝanĝi laŭ la enveninta proponoj. Tiam ni povos efike kaj rapide labori en Praha.

La ĉefaj temoj, pri kiuj ni devas pensi kaj diskuti estas la jenaj:

1e Ĉu oni devas formi naciajn Esperantajn unuiĝojn, aŭ ĉu ni instigos la jam ekzistantajn unuiĝojn por aliĝi kaj sendi reprezentantojn, kiuj estas kompetentaj.

2e Ĉu ankaŭ povas aliĝi memstaraj personoj. Kiaj estas tiam iliaj rajtoj.

3e La statutoj kaj la administrado.

4e La financaj aferoj.

5e La laborplano: Subteni senhavajn kolegojn, helpi ilin por plibonigi illan staton, kolekti informojn pri la instruado, la leĝoj, la salajroj k. t. p., prilabori la naciajn kaj lokajn registarojn por enkonduki Esperanton en la lernejojn, zorgi por esperanta eldono de novaj metodoj por diversaj lernfakoj k. t. p.

6e La eldono denove de la „Pedagogia Revuo".

Kompreneble kelkaj temoj ne estas disigeblaj; oni devas ĉion resumi en la statutoj. Sed unue ni devas veki la spiriton, kiu regos en la federacio kaj poste ni devas konstrui korpon, en kiu ĝi devas aŭ povas vivi.

Laŭ mia opinio *en nia ligo esperanto nur povas esti ilo*, kompreneble ni povas ankaŭ zorgi, ke tiu ilo povas bone, taŭge funkcii, sed super ĉio ni devas zorgi por la pliperfektiĝo de la instruado, kaj tio ne povas okazi sen la plibonigo de la stato, en kiu la instruistoj vivas. Ni devas do kune levi la geinstruistojn el la mizera stato, en kiu la plej multaj vivas, sed en la batalo por tia grava celo ni devas neniam forgesi, ke ni bezonas la simpation de niaj kunvivuloj, kiun ni perdos, se ni nur celas atingi la bonstaton por ni mem: *super ĉio ni devas zorgi, ke nia laboro estos taŭga por la bonfarto de la homaro.*

*J. W. Sevenhuijsen*,
Lernejestro, *Haarlem*, (Holland)

## Al la tutmondaj geinstruistoj[1]

La lasta kongreso de francaj sindikatanaj geinstruistoj decidis la fondon de „Edukista Internacio".

Provizora komitato estas formita, kies deklaracio estas la jena: „Edukista Internacio" estas fondita.

Celoj: Ĉefa celo — prepari sistemon de racia edukado post internacia enketo. — Tujaj celoj — 1e pacifismo per publikado de originalaj dokumentoj; 2e praktiko de l' Internaciismo.

Peroj: *a)* Internacia revuo, *ekskluzive Esperante* eldonota; *b)* teknika dokumentaro; *c)* eldono de naciaj infanaj literaturoj; *d)* aranĝo de interkorespondado, de internaciaj vojaĝoj, de internaciaj kongresoj de geinstruistoj, interŝanĝo de infanoj dum la libertempoj.

Ni serĉas *Veron* kaj laboras por ĝin konigi per la naciaj revuoj.

La Provizora Komitato penas por aranĝi la tenadon de internacia Kongreso, kie „Edukista Internacio" ricevos sian regularon, kie ĝi haviĝos vivecon kaj fortecon per la interkonsento de l' granda edukista familio.

La provizora komitato unue korespondas kun grupoj pedagogiaj el Germanio, Britio, Usono, Italio, Hispanio, Belgio, Holando, Aŭstrio, Svisio. Kolegoj el aliaj nacioj simpatiantaj pri tiuj pacifismaj kaj liberigemaj ideoj estas insiste petataj sin turni al li por pligrandigi nian rondon. Sin turni al

*E. Vittecoq*, sekretario,
*Sassetot-Bacqueville* (Seine-Inf., Francio).

## Alvoko al fajrobrigadistoj kaj iliaj amikoj

La membro de nia grupo, S-ro komerca konsilanto R. Czermack-Warteck, fabrikanto, proponos al la Internacia Fajrobrigada[2] Estraro la jenon:

„Konsiderante, ke la fajrobrigado ne konas nacian ĵaluzon, ne traktas politikon, sed estas nur destinata servi al la homaro;

Konsiderante, ke post la terura mondmilito la nacioj devas kunhelpi por la atingo de tiaj noblaj celoj en komuna kaj kamarada laboro:

mi proponas kiel kunfondinto kaj dumviva membro de la Internacia Fajrobrigada Estraro la jenon:

Anstataŭ la ĝisnunaj 3 oficialaj lingvoj, la franca, angla kaj germana, estu enkondukata kiel korespondа kaj debata lingvo de la Internacia Fajrobrigada Estraro la mondhelplingvo Esperanto."

La detaloj devas ankoraŭ esti priparolataj; sed por konviki S-ron Czermack, ke lia propono estos entuziasme aprobata, ni petas ĉiujn samideanojn, precipe la anojn aŭ estraranojn de fajrobrigadaj aŭ savaj societoj, skribi konsente al li sub la jena adreso: Komerca konsilanto R. Czermack-Warteck, Teplitz-Schönau, Giselastrasse 21, Ĉeĥoslovakio.

*D-ro Gustav Guth*, Del. de UEA,
prezidanto de la grupo de Teplitz-Schönau.

## Universala Sport-Ligo

Dum la kvina Itala Kongreso de Bologna estis fondita inter Zamenhofaj sportistoj *Universala Sport-Ligo*. La fondintoj celas unuigi per Esperanto ĉiulandajn sportistojn kaj organizi Sportistan Internacion. La tutmonda sportistaro esperantista estas petata aliĝi al U. S. L. Provizora centra Poŝtfako 17 494 Locarno (Svislando).

Oni petas raprezentantojn en ĉiuj landoj. Dum la Universala Esperanto Kongreso en Praha estas organizota kunveno de U. S. L. kaj sportkonkursoj.

---

[1] Represo en naciaj kaj Esperantistaj gazetoj estas varme petata.
[2] fajrobrigadistoj, f. sapeurs-pompiers, g. Feuerwehr.

## Fervojistoj ĉiulandaj atentu!

*Faka Vortaro*

Estimataj samfakanoj! Mi prenis sur min la taskon, prepari la eldonadon de faka vortaro por ni nepre necesa. La tasko ne estas facila, sed mi certe esperas, ke mi finos la komencitan laboron, se ĉiu fervojisto samideano helpos min. Do, karaj kolegoj, se vi deziras, ke Esperanto fariĝu la oficiala ofica interkomprenilo, mi petas vin, helpu krei la verkon. Ĉar nur tiam ni povos realigi nian deziron, nur tiam ni konvinkos niajn administraciojn pri la utilo kaj la taŭgeco de nia lingvo, kiam ni posedas vere uzeblan fakan vortaron, kiu enhavas ĉiujn esprimojn necesajn por la oficiala korespondado ofica.

Rekomendinda estas la starigo de komisiono de fakanoj konsistanta el la ĉelaj landoj. Do, kolegoj, kiuj intencas konstante kunlabori estas petataj sciigi al mi ilian nomon.

La laboro estu jena: Ĉiu el la anoj de tiu komisiono traduku la diversajn regularojn, precipe kaj unue la „Internacian Konvencion pri la transportado de komercajoj per fervojo" (Convention Internationale sur le transport de marchandises par chemin de fer), kaj la formularojn uzatajn en la diversaj partoj de la fervoja agado. Kolegoj, kiuj ne volas *konstante* kunlabori estas petataj traduki la fakesprimojn, kolekti kaj sendi ilin de tempo al tempo al la subskribinto. Sed evitu tro grandan specialecon; oni lasu la speciale teknikajn vortojn al la teknikistoj kompetentaj. Estas rekomendinde, ke kolegoj, kiuj scias la francan lingvon aldonu al la Esperanta esprimo krom la nacilingva esprimo ankaŭ la francan vorton.

Ni devas rapidigi la laboron, por ke la vortaro estu prespreta ĝis la XIIIa en Praha.

Do, ni agu kaj laboru konstante kaj senhalte!

Ĉiuj gazetoj estas petataj represi ĉi tiun alvokon.

*Georg Habellok,*
*Breslaŭ 10* (Germ.), Schleiermacherstr. 19.

## Grava afero por la tuta Esperantistaro!

La „Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien" skribas: La „Katolika Esperanto-sekretariejo" en Wien I, Kleeblattgasse 7, estas malfermita por la tuta Esperantistaro. Ĉiutage de la 9a antaŭtagmeze ĝis la 9a vespere.

La Esp.-Diservo estas ĉiam ĉiun 3an monatdimanĉon je la 9a a. t. m. en Wien VI, Gumpendorferstrasse 39, kune kun kunvenoj.

La kunveno en la Kafejo „Wienzeile", VI., Linke Wienzeile 36 estas ĉiun merkredon de la 5a ĝis la 7a.

## Ĉiulandaj katolikoj!

Nia sankta patro publikigis sian admirindan pacprogramon „Paco Dia donaco" (en Esperanto ĉe Paulus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5). Jam de 1917 nia internacia „Mondpacligo Kruce Blanka" celas realigi tiujn ĉi sanktajn ideojn. En diversaj landoj ni fondis unuiĝojn kaj sekretariejojn naciajn. Malfeliĉe la senmezura grandiĝo de ĉiuj kostoj, la terura mizero de nia popolo apenaŭ permesas al ni perfektivigi niajn entreprenojn. Pro tio korege ni petas: ciulandaj katolikoj, samcelanoj! Kunhelpu kaj kunlaboru! Donacoj kaj aliĝoj por ĉiuj landoj al „*Mondpacligo Kruco Blanka*" Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrio.

---

# Esperantista Vivo

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Grund,* membro el Hannover, naskiĝis filo Werner.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *William Perrenoud,* sekretario de la Svisa Esperanta Societo kaj Del. de UEA en Cernier, kun F-ino *Daisy Theis.*

**Edziĝoj.** — S-ro *Friedrich Pillath,* VD. de UEA kaj F-ino *Lindenmann,* membro en Essen a. Rh. Al nia ŝatata kunlaboranto kaj al lia edzino ni deziras plenan feliĉon.

S-ro *Leopold Altman* el Tallinn (Estonio) kun F-ino *Berta Balt-Baltin* el Riga (Letonio).

---

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Rev. Horace Dutton.** La 4 aŭgusto mortis en Boston (Mass.), U. S. A., en sia okdek-unua jaro Pastro Horace Dutton el Auburndale (Mass.), multajn jarojn fervora, tre sindonema amiko de nia afero. Laborante kiel kristana misiisto inter la junuloj de multaj landoj de Eŭropo, li frue kontaktiĝis kun la lingva problemo kaj en Ĝenevo en 1906 ekkonatiĝis kun Esperanto kaj fariĝis ĝia tutkora subtenanto. En tiu jaro kaj loko li estis organizanto de la internacia kongreso de la *United Society of Christian Endeavour,* sufiĉe sukcese enkondukis la lingvon en sian kongreson, okazintan ne longe antaŭ nia Dua, kiun li ĉeestis; kune kun Cyprian J. Rust el Soham (Anglio) li aranĝis en la templo de l' *Auditoire* la unuan protestantan diservon en Esperanto.

Dum ĉirkaŭ du jaroj la monata gazeto de la U. S. C. E. aperis Esperante kaj angle.

De tiu tempo S-ro Dutton ĉiam laboris por Esperanto kaj kelkajn jarojn estis unu el la plej energiaj anoj de la Societo en Boston.

**Jozefo Flòr,** VD. de UEA en Budapest. (Ni bedaŭrinde ne ricevis pli kompletan sciigon.)

**M. S. Hermod,** fervora sveda samideano, subite mortis en aĝo de sesdek jaroj. Fondinto de instruada-instituto per korespondo li enmetis nian lingvon en la instruoplanon.

**S-ino Anna Hezel,** edzino de nia Del. en Gera. Ŝi postlasas 5 infanetojn, kies plej aĝa estas 10-jara. Nia fervora kaj fidela samideano akceptu niajn kondolencojn kaj esprimojn de simpatio. — *R. Schn.*

**S-ino Paul Jobard,** estrino de la Presejo Jobard en Dijon mortis 57-jara. — Dum multaj jaroj ni presigis ĉe tiu presejo „Esperanton" la „Jarlibron" kaj aliajn presaĵojn. Al la funebranta familio ni sendas niajn sincerajn kondolencojn.

**Franz Salzbrenner,** Del. en Seelingstädt, mortis 71 jara. Li estis ne nur ano sed ankaŭ batalanto por ĉiuj idealaj klopodoj celante plibonigi la homaron. Li estis fervora Esperantisto, pacifisto, antialkoholisto, antitabakisto, ter- kaj loĝejoreformisto. Li vivis severe kvazaŭ askete kaj estis malofta senriproĉa homo. Li ĉeestis la internacian kongreson en Bern kun sia filino. — *R. Schn.*

**Adolf Schmidheim,** prezidinto de Narva Esp. Societo, mortpafita fine de 1918 de sovjeta armeo.

**Sir Thomas Vezey Strong.** Sir Vezey Strong estis granda amiko de Esperanto. Li faris publikan paroladon por ĝi en la Londona Esp. Klubo. 21 aŭgusto 1907, en la Londona Guildhall li, kiel reprezentanto de la urbo Londono, akceptis D-ron Zamenhof kaj la Esperantistojn ĉiulandajn. Li estis Lordurbestro de Londono dum la kronadjaro de Reĝo Georgo V. Dum la premegaj okupadoj de tia epoko li kaptis novajn okazojn por instigi la homaron al altaj idealoj de amikeco tutmonda. Li sendigis al Esperantistaj grupoj ĉiulandaj Esperantan tradukon de la raporto pri la memorinda „Guildhall kunveno" de 28 aprilo 1911, kaj letere atestis sian kontentecon pri la rezultato de tiu eksperimento. Li vizitis Vienon kaj Praha, kaj liaj paroladoj en Praha influis vastajn nombrojn el la slavoj.

**Hugo Wilbach,** propagandisto inter laboristoj en Narva; dum bataloj inter nordokcidenta rusa kaj sovjeta armeo, mortpafita kiel komunisto en Jamburg jaro 1918.

**Kurt Zeisig,** membro abonanto el Berlin-Lankwitz.

